XVI[a] jaro. N° 233 (1) * Monata * Januaro 1920

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

| JARA ABONO | |
|---|---|
| Simpla abono . . . . . . . . . . . . . . . . | 10. — Frankoj |
| Kun la membreco de UEA . . . . . . . . | 12.50 Frankoj |
| Unu numero . . . . . . . . . . . . . . . . | 1. — Franko |

*Svisa poŝtĉeko III. 2600. — La abonoj komenciĝas en januaro*

| REKLAMO | |
|---|---|
| Anonco (unu-centimetra kolonero) . . . . . | 2. — Frankoj |
| Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . | 0.50 Franko |
| Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . | 0.75 Franko |

*Rabatoj: 3 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo kaj Administrejo: Museumsstrasse 14, BERN (Svisio)



NUNTEMPAĴOJ

## NOVJARAJ PENSOJ

Nova jaro. Malĝoje, korpreme komencas ĝin la homaro. Korpe malsana, spirite disbatita homaro. En vasta parto de Eŭropo agonianta, viroj ankoraŭ buĉas unu la alian; nedireblan mizeron travivas tutaj popoloj, al tombo trenataj de malsato, elĉerpiĝo, senespero. Ĉie vivbatalo pli akra ol iam, milionoj kaj milionoj da estajoj ĉiutage baraktantaj kontraŭ premanta fatalo; ĉie suspektoj, malpacoj, insidoj, perfortajoj inter nacioj, inter klasoj, inter partioj. Kaj spite ĉiuj malfeliĉoj, aŭ eble ĝuste pro ili, ĉie plezursoifo, ĝuemo, senpensa avideco, dancado en la ruinoj.

Komenciĝis likvidado de la militheredajo. Antaŭ unu jaro ni ankoraŭ vivis en revo. Fine silentaj estis la kanonoj, hejmen revenadis restajoj de l'armeoj grandegaj, en aero ŝvebis idealaj esperoj. Sekiĝis larmoj kaj ekregis naiva ĝojo. Miraklo estis okazonta. Per la magio de certaj formuloj Eŭropo estis retrovonta daŭran pacon, ordon, sekurecon, bonstaton, eĉ moralan plialtiĝon. Ho, eterna kredo homa je regenerado per sango, kiom da animoj vi luladis dum la kruelaj tagoj de l' milito! Doni sian vivon por ke aliaj estu pli feliĉaj; esperi, ke la terurajoj de l' batalkampo naskos homaron morale pli bonan, pli honestan, pli puran, jen estis komuna revo de la plej bonaj. Ho ve! ĝian kompatindan disrompiĝon vidis, tagon post tago, la jusa jaro. Kelkaj monatoj sufiĉis por detrui mondon de iluzioj. Duonbankrotis la magiaj formuloj, laŭ kiuj Eŭropo estis feliĉigota, kaj anstataŭ ĝojesprimoj pro restarigitaj paco, ordo, sekureco, bonstato, estas ĉiuflanke aŭdataj nur riproĉoj, akuzoj, plendoj, ĝemoj, venĝaj krioj . . . Eĉ la armeoj, kiujn devis por ĉiam liberigi la „lasta“ milito, restas batalpretaj, hodiaŭ kiel hieraŭ, ĉe landlimoj pli severe ŝirmataj ol iam. Homo restas lupo al homo, nacio luparo al nacio. La esperojn, kiuj vivigis la homaranojn, kiam ekĉesis la furiozo batala, prezentas nur fantoma Ligo, malfeliĉa infaneto tute pala, sensanga, miskreskinta, pri kiu eĉ la gepatroj ŝajne perdis vivesperon. (Tamen, atentu, tiaj infanoj iafoje mirigas siajn naskintojn . . .). Seniluziiĝita pri la estonto, tedata pro la malglatajoj de la ĉiutaga vojo, ŝanceliĝas la homaro kaj erarvagas en mallumo. Pri ĉio ĝi dubas, ĉar oni trompis ĝian sopiron al renoviĝo. Ion novan ĝi volis. Nur malnovan novajon oni al ĝi prezentis.

Ĉu do malesperi? ripeti kun la Predikanto: „Vantajo de vantajoj, ĉio estas vantajo?“ Ne, ne. Malespero, skeptikeco nenion solvos. Ni pripensu. Ĉu eble la nuna elreviĝo ne venas de tio, ke oni malĝuste pensis, liginte kun la fino de la milito esperojn, kiuj en realeco havis kun ĝi nenion komunan? Tio estas. Trompitaj de mistika antaŭjuĝo pri regenerado per sango, la homoj kredis, ke io granda, nova, nobla povas eliri el la milita spirito, ke malbono, malamo, perforto per dia sorĉo kapablas konstrui ordon, ĉe kiu regos justeco, konkordo, kunlaboremo. Per aliaj vortoj oni ankoraŭ kredis la militon sankta, ne en ĝi mem, sed pro ĝiaj moralaj sekvoj. Ho ve! la nunaj travivajoj rememorigas al ni, kontraŭe, ke ne pli ol lupo povas naski ŝafon, milito ne povas aŭtomate naski daŭran pacon. Tiu ĉi rezultos ne de pli-malpli lertaj postmilitaj aranĝoj diplomataj, sed de longa laborado, pacienca evitado de novaj militoj kaj laŭgrada forigado de la militkaŭzoj. Daŭra paco estas io kreota.

Se ni rigardas de tiu ĉi vidpunkto la nunan staton mondan, ni ne plu havos kaŭzon por malĝoji kaj malesperi. Ĉio okazanta aperos kiel tute logika sekvo de la katastrofo. Iluziojn ni ne perdos, ĉar seniluziaj ni estos. La milito ne estas malbono, kiu alportas bonon, sed malbono, kiu naskas aliajn malbonojn, de kiuj oni sin iom post iom liberigos nur laborante laŭ direkto ĝuste kontraŭa, fundamente kontraŭa al tiu, kiu kondukis al la nuna ĥaoso. Paco regos nur kiam la homaro forpuŝos la sistemon, la idearon, kiu fatale tiras ĝin de milito en militon. Ĉu tion oni faras? Ne. La homojn, kiuj deziras starigi pacan ordon laŭ novaj metodoj, oni ankoraŭ aŭ persekutas aŭ malatentas. Ĉiuj teorie konsentas, ke paco estas noblega celo, sed nur tre malmultaj konscias, ke la atingo de tiu celo estas ebla nur per fundamenta reedukado de nia pensmaniero. Vivindan

estonton povas krei nek politikistoj, nek juristoj, eĉ bonintencaj; ĝin povas krei nur komuna volo de homoj pli bone edukitaj, pli ĝuste pensantaj, pli sendependaj de la prapatraj impulsoj kaj antaŭjuĝoj.

La konstato de la senfruktaj rezultoj de l' perforto estu ankaŭ averto al senpripensaj idealistoj, kiuj volus regeneri la mondon kaj forigi la sociajn maljustaĵojn perforte. La milito, ili diras, estas abomena, kiam ĝi okazas inter nacioj, sed sankta ĝi estas, kiam ĝi okazas interne de nacio. Revo ne malpli danĝera por la civilizo ol la alia. Ĝia principo estas cetere tute sama. Ĝi estas la konvinko, ke malbono povas krei bonon. Heredaĵo de nia miljara mistike-milita pensmaniero. Malamo, fanatikeco, perforto povas rapide kaj facile ĉion detrui, malfeliĉigi homojn, verŝigi sangon kaj larmojn, sed senpovaj ili estas por rekonstrui ion daŭran. Ĉio granda, firma, nobla en la mondo, ĉio ekzaltanta vivĝojon, ĉio feliĉiganta kaj plezurdonanta estis laboro de homoj, kiuj amis, laboris por vividealo, ignoris envion, respektis la dignecon de siaj homfratoj.

Eĉ en la nomo de idealo feliĉon promesanta, perforto ne povas feliĉigi la homojn. Ilin ankaŭ ne povas feliĉigi blinda kredo al certaj saviĝaj formuloj, politikaj aŭ sociaj. Relativan bonstaton retrovos la mondo nur per pacienca honesta laborado kaj laŭgrada eksperimenta serĉado de pli bonaj vivoformoj, sed ĝi ne povas regeneriĝi en unu bato, pro la mistera efiko de nova politika aŭ socia aranĝo, proponata de teoriuloj. Estas granda mizero de nia tempo, ke anstataŭ modeste, sed persiste peni por krei interne de si kaj ĉirkaŭ si iom pli feliĉan vivon, uzante rimedojn, kiuj estas al ĉies dispono, tiom da kapablaj homoj sin fordonas al senfrukta politika agado, kiu malŝparegas fortojn por tre malgranda pozitiva rezulto. Nenio estas pli iluzia ol la kredo, ke la feliĉo de la komuna vivo estas ligata al tia aŭ alia reĝimo. Tute kontraŭe. La mondo denove spiros, nur kiam la politikaj bataloj, naciaj, partiaj aŭ sociaj, estos perdintaj la gravecon, kiun ili hodiaŭ havas en la okuloj de la popolmasoj, kaj la homoj konscios, ke la pliboniĝo de ilia sorto dependas malpli de registaroj ol de individua agado. Kredo al tutpotenco de registaroj malkreskigas senton pri individua respondeco, dum pliboniĝo de la komuna vivo ĝuste dependas de ĝia kresko.

Multe pli gravan rolon ol politiko rilate la pliaItiĝon homaran ludas edukado. „Donu al mi edukadon, diris Leibnitz, kaj mi aliformigos Eŭropon antaŭ unu jarcento". Estas ĉagrenige konstati, ke dum malgrandaj politikaj demandoj estas temo de sennombraj diskutoj kaj penoj, edukaj problemoj, multe pli gravaj, estas apenaŭ atentataj. Precipe nun edukado devus esti prizorgata. Tro laca, tro suferinta estas la nuna generacio, por ke ĝi mem povu plenumi la grandajn taskojn, kiujn postulas la starigo de pli bona mondo. Sed ĝuste ĉar ĝi suferis, ĝi povus almenaŭ montri la vojon sekvotan. Antaŭ ni staras la infanaro, kies spirito estas ankoraŭ parte formota. Ĉu ni edukos ĝin laŭ la samaj eraraj ideoj, laŭ la samaj antaŭjuĝoj, kies pereigan efikon ni konstatis? Ĉu ni transdonos al ĝi la netoleremon, la malamojn, la blindajn pasiojn de la nuna generacio? Ĉu, anstataŭ zorgi ĉefe pri ĝia karaktero kaj pri ĝia homa digneco, ni daŭrigos konsistigi ĝian edukadon nur el komunikado de sciaĵoj plej ofte senutilaj por la vivo? Jen la fundamenta demando. En la necesa eduka laborado ĉiu el ni povas ion fari, kaj diference de politikaj bataloj, kie multa energio estas ofte elspezata por nenio, eĉ la plej malgranda eduka penado lasas postesignojn. Politiko similas al unu el tiuj militaj kampoj, kiuj estis tiom ŝiritaj de kugloj, ke nenio plu povas tie esti kulturata; kontraŭe, edukado estas kampo, en kiun ni povas ĵeti ĝermontan grenon. Penu, penu, ke la morgaŭa rikolto estu bela!

*H. Hodler.*

 SOCIA VIVO 

# Labormalpermesoj kaj ripoztagoj

Se laboremo plej ofte estas laŭdata aŭ eĉ ordonata, ankaŭ ripozo laŭ cirkonstancoj estas devo. Se iu tro multe laboras, li povas malutili al si, kaj ankaŭ al aliaj. Se en la pratempoj la homoj ne estis logataj al troa laboro, en la moderna societo la afero estas tute alia, kaj tio komprenigas la ekziston kaj popolfavoron de institucio, kiu origine havis tute aliajn kaŭzojn: la semajna ripoztago.

Multaj popoloj kutimas je certaj okazoj aŭ je difinitaj tagoj, kiuj ŝajnas al ili malfavoraj aŭ senhonorigaj, momente ĉesigi ĉiun laboron aŭ kelkajn specialajn laborojn. Tio okazas precipe post morto — eble ĉar mallaboreco estas natura sekvo de ĉagreno, aŭ ĉar funebranto estas supozeble en malforta sanstato postulanta ripozon, sed plej ofte ĉar oni timas, ke la farota laboro estos makulata de l' infekto de la morto. Ĉe la Araboj, en Maroko, estas malpermesite labori dum la mortinto estas ankoraŭ neenterigita. En Grœnlando, laŭ Egede, ĉiu individuo, loĝanta en la sama domo kun la mortinto, devis dum kelka tempo ĉesigi ĉiun laboron; la daŭro de la senlaboreco estis, en ĉiu okazo, difinita de la pastro aŭ de la sorĉisto. Nelson raportas, ke ĉe la Eskimoj de la Beringa markolo, estas malpermesite al la parencoj de l' mortinto labori dum la ombro kunestas kun la kadavro, nome kvar-kvin tagojn. Laŭ Maccauley la parencoj de mortintaj Seminola-Indianoj (Florida) restis hejme je l' tago de l' enterigo kaj dum la tri sekvantaj tagoj, tute nelaborante; oni opiniis, ke la mortinto nur post tiom da tempo daŭre restos en sia tombo. Ĉe Kloss ni legas, ke la Kar-Nikobaroj ĉesigis ĉian laboron kiel signo de funebro. En Samoa neniu laboris post morto de ĉefo. Ankaŭ la Basutoj ne laboras je la tago, en kiu mortis eminentulo; Casalis rimarkigas, ke ili ankaŭ evitas viziti siajn kampojn, aŭ rapidas ilin forlasi, tuj kiam pluvnuboj montriĝas ĉe la horizonto: „ili timas, ĝeni la naturon en ĝiaj procedoj, kaj volas en ripozo atendi la alsopiritan bonfarton." La plimultaj eĉ supozas, ke per sia laboro ili incitas la nubojn retiriĝi, aŭ eĉ elsendi hajlon anstataŭ pluvon. La ofertagoj de la ĝenerala purigo estas ankaŭ ripoztagoj. Tial la Kristana leĝo, rilatanta al la semajna ripoztago, ne estas rigardata de la indiĝenoj kiel kondamninda, sed kiel tute natura, kaj eble pli necesa, ol de multaj Kristanoj.

Ofte la lunŝanĝo estas konsiderata malfavora al la laboro. Rilate al la Beĉuanoj Campel diras: „Ĉe la novluno ĉiu laboro devas ĉesi, estiĝas ripoztago." Laŭ Bent la loĝantaro de la Ciklada insulo Thermia opinias, ke en la tagoj antaŭ lunŝanĝo estas necese nelabori, aŭ nur malmulte labori. En la Hinda Viŝnu Purana oni legas, ke la homo, kiu dum plena aŭ nova luno komercadas, estos kondamnata je la sanga infero Rudmirindha. Per Crook ni sciiĝas, ke en la nordo de Antaŭa Hindio oni malaprobas ĉian okupon pri gravaj aferoj dum novluno aŭ dum mallumiĝo. La leĝoj de Manu malpermesas al Bramano studi je l' tago de novluno, je la dekkvara kaj la oka tago de la duonmonato, kaj je l' tago de la plenluno, „ĉar la novluno pereigas la instruiston, la dekkvara tago la lernanton, la oka tago kaj la plenluna tago neniigas ĉiun memoron pri la Vedao; pro tio oni nenion legu je tiuj tagoj". La Buddhista sabato estas festata kvarfoje ĉiumonate, je plenluno, je novluno kaj en la inter la du kuŝantaj okaj tagoj; tiam estas malpermes-

itaj aĉetado, vendado, laborado, komercado, ĉasado kaj fiŝkaptado, kaj estas fermitaj ĉiuj lernejoj kaj juĝejoj. En Aŝanti kaj najbaraj distriktoj, kie oni kalkulas laŭ lunŝanĝoj, estas solenata semajna „fetiŝtago"-sabato ŝajne de hejma deveno. „En ĉiuj regionoj de l' marbordo ĝi estas nia mardo — la de la reĝo de Aŝanti festita tago." En Bush aliaj tagoj estas solene festataj. La plejmulto de la homoj vestiĝas blanke kaj ŝmirkovras siajn vizaĝojn, foje ankaŭ la brakojn per blanka argilo. Oni ankaŭ nelaboras. La fiŝkaptistoj timas, ke la Fetiŝo koleriĝos kaj malbonigos la kaptajon, se ili je tiu tago farus laboron. En Hawai, kie ĉiu monato havis tridek noktojn, kaj ĉiuj tagoj kaj noktoj havis apartajn nomojn, rilatantajn al la ĉiuvespera stato de la luno, ĉiu monato estis dividita en kvar periodoj, en kiuj po du-kvar noktoj estis „tabu". Krome estis tabu-tempoj ĉe specialaj cirkonstancoj, kiel ekzemple ĉe la morto de ĉefo, ĉe militpreparoj, alproksimiĝo de religiaj festoj. Tiuj tabuoj estis ĉu „ordinaraj" ĉu „rigoraj"; en la unua okazo la homoj devis nur sin deteni de siaj kutimaj okupoj, kaj ĉeesti la matenajn kaj vesperajn preĝojn; sed en la rigora tabu-tempo regis sur la insulo aŭ la distrikto ĝenerala malĝojo kaj silento. Oni nek lumigis, nek bruligis, oni ne naĝigis boaton, nek sin banis. Al la hundoj oni ligis la buŝegon, al la kortbirdoj oni envolvis la kapon en tukoj, ĉar ne devis aŭdebliĝi ia ajn bruo. Neniu estis permesita eliri el la domo, se li ne havis okupon en la templo. Oni timis, ke la malobeo al eĉ unu el tiuj ordonoj malhelpos la efikon de l' tabuo, kaj ekscitos la malplaĉon de la dioj.

Ankaŭ la Semidaj popoloj havas siajn tabu-tagojn. En Maroko oni diris al mi, ke laboro farita en tagoj sanktigitaj ne sukcesas. Estas konsiderata „kontraŭaĵo" ekvojaĝi vendrede, kaj en kelkaj partoj de la lando oni evitas je ĉi tiu tago komenci laboron, aŭ forporti tendon, aŭ forpreni la cindron de l' fajrujo. Neniu Maŭro aŭdacus razigi al si la kapon merkrede. Plugado estu komencota nur dimanĉe aŭ ĵaŭde, kaj la loĝantoj de la Nord-Afrika montaro Andŝra kredas, ke vestaĵoj lavitaj sabate ne restos puraj. Laŭ Lane la nuntempaj Egiptoj konsideras sabaton kiel la plej malfavora tago, precipe rilate al razado, ungotranĉado kaj ekvojaĝo. En Keibar (Arabio) oni, laŭ Doughthy, konsideras sabaton kontraŭa al la komenciĝo de ĉiu ajn speco de laboro. Sendube la Juda sabato elvolvis el la konvinko, ke estas malfavore aŭ danĝere labori je la sepa tago. La fundamento de ĉi tiu ideo estis la mistera rilato, kiu laŭ la opinio de la antikvaj Hebreoj kaj de multo da aliaj popoloj, ekzistas inter la lunŝanĝo kaj la homa agado. Estas sufiĉe bone pruvite, ke la sabato origine dependis de la novluno, kaj de tio ni povas konkludi, ke la Hebreoj ne festis sabaton ĉiun sepan tagon, responde al la lunaj fazoj. En la Malnova Testamento novluno kaj sabato estas kelkfoje citataj kune (Reĝoj, Jesajo, Ĥosuo). En la libro Amos la premegantoj de la malriĉuloj diras: „Kiam forpasos la novluno, por ke ni povu forporti la tritikon?" Ankoraŭ hodiaŭ, ĉe la ortodoksaj Judoj, je novluno ne la viroj devas ĉesigi siajn ordinarajn okupojn, sed la virinoj ĉiujn vulgarajn laborojn. La fakto, ke la superstiĉa timo al laboro je la sepa tago iom post iom fariĝis religia malpermeso, estas nur unu plua pruvo por la de mi jam ofte rimarkita emo al aliiĝo de supozitaj sorĉfortoj en diajn volaĵojn. Same kiel la Hebreoj, ankaŭ la Asiroj kaj Babilonanoj konsideris la sepan tagon fatala, kaj se ĉe ili la deteno de la laboro ne estis ĝenerala, ili havis diversajn malpermesojn koncernantajn la reĝon. La sepan tagon li ne devis sin montri en ŝtata veturilo, nek oficiale akcepti, nek oferi, nek ŝanĝi vestaĵon, nek abundege manĝi, kaj eĉ ne malbeni siajn malamikojn.

La Juda sabato estis forigata de Kristo: „La sabato estas starigita por la homoj, ne la homoj por la sabato". „Mia patro ĝis nun laboris en ĝi, kaj mi ankaŭ laboras" La konvertitaj Judoj daŭrigis la observon de l' sabato; sed ili estis pro tio mallaŭdataj. En unu el siaj epistoloj Ignacio admonas ne „sabatumi", kaj lia komentinto faras el ĝi averton, ne festi la sabaton laŭ Juda maniero, ĉar ĝi estus nura mallaboremo. En la IVa jarcento eklezia koncilio decidis, „ke la Kristanoj je l' sabato ne devas ripozi kiel la Judoj, sed labori." Aliparte estis de longe kutimo de la Kristanoj festi la unuan tagon de la semajno per diservo, memore al la reviviĝo de Kristo; sed ĉi tiu tago ne havis la karakteron de sabato; ĝi estis esence ĝoja tago. Tertuliano estis la unua verkisto, kiu deklaris, ke estas Kristana devo, sin deteni de mondumaj zorgoj kaj laboroj „por ke la diablo nin ne estru". Tamen estas tre dube, ĉu la unua leĝo pri dimanĉa observo estis vere el Kristana deveno. En 321 la imperiestro Konstantino ordonis, ke je la „respektinda tago de la suno" ĉiuj juĝistoj, komercistoj kaj metiistoj ripozu, sed ke la kampuloj estu permesataj kulturi siajn kampojn „tial ke ofte okazas, ke tiu ĉi tago estas pli favora al la semado de grenoj aŭ plantado de vinberujoj ol alia", kiel diras la Justina leĝaro. En ĉi tiu ordono ne temas pri Kristaneco, kaj ni tute ne scias, ĉu ĝi devenas de ia Kristana influo. Ŝajnas, ke Konstantino kiel supera pontifo simple aldonis la tagon de la suno, kies observo estis la signo de la nova religio, al la vico de tiuj malfavoraj tagoj, kiujn la antikvaj Romanoj nomis „religiosi dies", kaj konsideris netaŭgaj por la plenumo de mondumaj aferoj, kaj speciale de juĝistaj decidoj. Sed kvankam la laŭdeva dimanĉa ripozo tute ne estis daŭrigo de la Juda sabato, ĝi ĝenerale estis kunigata kun ĝi — sekve de la akcepto de la dek ordonoj, kiuj ja rigorigas la semajnan ripozon kiel dian aranĝon. De post la VIa jarcento la estroj, koncilioj kaj ekleziaj verkistoj altrudis ĉiuspecajn pezajn limigojn, kaj fine la Brita puritanismo faris el la Kristana dimanĉo nuran kopion de la Farisea sabato; ĝi eĉ superis ĝin je rigoreco, malaprobante ĉiun ajn monduman aktivecon. La teorio, ke la sanktigo de unu el la sep tagoj de la semajno estas la kerno de la kvara ordono, igis la publikon konsenti, ke la Juda sabato estas la sepa semajna tago, sed dimanĉo la unua. En Anglio, en la XVIIa jarcento, oni estis punata, se dimanĉe oni portis karbon aŭ pendigis tolaĵon sekigotan, se oni promene rajdis aŭ piediris, kaj el „Historio de la civilizo" de Buckle ni scias, ke Skotaj pastroj instruis al siaj paroĥanoj, ke estas peko dimanĉe savi pereontan ŝipon, kaj pruvo de pieco ne malhelpi la pereon de l' ŝipo kaj de la ŝipanaro.

*Prof. D-ro Ed. Westermarck.*
Trad.: *A. C.*

---

*Komence de la jaro ni rememorigas, ke pri la artikoloj aperantaj en la neesperantista parto de tiu ĉi gazeto estas respondaj nur iliaj aŭtoroj. UEA akceptas respondecon nur pri sia oficiala informilo.*

*La diverstemaj artikoloj tie publikigataj celas instrui aŭ pensigi la legantaron, sed estas memkompreneble, ke precipe en la nuna tempo internacia gazeto malfacile povas aperigi artikolojn, kiuj interesas kaj samtempe plaĉas al ĉiuj. Ni ĉiam penas publikigi nenion, kio povus veki ofendiĝemon ĉe nacio aŭ ĉe partio, sed ni reciproke devas peti de la legantoj tian minimuman toleron por la diversaj tie esprimataj opinioj, sen kia nenia interesa gazeto estus ebla.*

---

# Pri la Taylor-sistemo

La scienca produktado, kiel oni pli ĝuste dirus anstataŭ Taylor-sistemo, ne estas demando interesa nur por la entreprenisto. Estis grava malutilo al ĉi tiu labormaniero, ke la kapitalisto konsideris ĝin de l' vidpunkto de sia profito, dum male la laboristo ĝin juĝis de l' vidpunkto de l' ekspluatado.

Devas esti rigardata kiel interesa simptomo, ke, laŭ novaj gazetaj informoj, la Rusa sovietrespubliko intencas prove enkonduki la Taylor-sistemon. Ni mallonge montru, kion oni povas atendi de l' plibonigo de la produktado pere de tiu ĉi sistemo.

En multaj kapitalistaj entreprenoj, precipe en Ameriko, oni konstatis, ke la Taylor-sistemo, kvankam ĝi unue estis akceptita de la laboristaro, estis baldaŭ pli kaj pli vigle kontraŭbatalata, kaj ke fine, sekve de pasiva malcedo de la laboristaro, ĝi tute malsukcesis. Kiel oni povas kompreni ĉi tiun okazintajon?

La scienca produktado povas efektivigi la plej eble efikan laboron laŭ tri manieroj:

1e Per individua elekto de la homoj, ekzameno de ilia muskolforto, lerteco kaj kapableco.

2e Per forigo de ĉiuj nevolaj movoj, kiuj ne kunhelpas la rezulton de la laboro, kaj aukaŭ per konstruo de teknikaj aranĝoj por ŝparo de fortoj.

3e Per veko de l' intereso al kiel eble plej granda streĉo de ĉiuj fortoj, kun kiel eble plej ŝpara foruzo de l' energio.

Sed tiuj ĉi specialecoj de l' sistemo antaŭsupozas certan spiritstaton de la laboristoj. Se tiu ĉi ne ekzistas, malsukcesoj estas neeviteblaj, kiuj tamen ne devas esti atribuataj al la sistemo, sed al ties falsa aŭ nur skema apliko.

Unue estus necese, ke ĉiuj laboristoj estu konvinkitaj, ke ĉi tiu sistemo ilin profitigas. Se ili opinias, ke per ĝi ili estas ruze malprofitigataj, la estiĝantaj malplaĉo kaj antipatio ĉion neniigos. Se estas akirita la konvinko, ke la sistemo estas profita, tuta serio de kontraŭajoj estas per ĉi tiu konvinko venkitaj.

La Europa laboristo estas regata de certa konservativeco en sia profesia agado. Li deziras ĉiam fari sian lernitan laboron. Li havas ankoraŭ iom de la profesia fiereco de la mezepoka metiisto. Pro tio li sentas fortan malplaĉon, kiam oni altrudas al li alispecan laboron. Individua elekto, eĉ se ĝi celas meti lin sur lokon plej taŭgan, nur ekscitas lian instinktan malplezuron. Tiaj kondiĉoj ne ekzistas ĉe la Amerika laboristo. Pro la samaj motivoj la Europa laboristo malŝatas lerni de la „labor-instruisto" la simplan laborŝparantan funkcion de la Taylor-sistemo. Same malhelpe efikas la konstanta suspekto, ke ĉio fariĝas malprofite al li.

La vigligo de la laboremo per apliko de la samaj rimedoj tute ne produktas la samajn rezultojn. Homoj laŭnature flegmaj, revemaj kaj pedantaj, ne povas esti elŝirataj el sia alkutimiĝinta malrapida labormaniero, eĉ per stimuloj aŭ incitoj. Sed laboramaj homoj ne bezonas inciton de l' ekstero. Aukaŭ la nacioj vidigas tiurilate gravajn diferencojn. La Amerikano kutimas labori rapide, ne pro avideco, sed tial ke li plezure uzas siajn fortojn, li malŝatas ĉiun mallaboremon. Lia taga labortempo estas mallonga, sed plene eluzita. Li perfekte estras sian korpon, kaj en alta grado posedas la kapablon koncentrigi siajn fortojn.

Tiujn bonecojn aliaj popoloj, kiel ekzemple la Orientuloj, la Suduloj, la Rusoj kaj parte ankaŭ la Francoj, ne havas. Ili ne deziras intense streĉi siajn fortojn dum mallonga labortempo. Ili eĉ preferas longan labortempon, se la malplilongigo devas esti kaŭzata de pli intensa memdisciplino kaj pli forta streĉo. La Germana laboristo eble staras inter la du ekstremoj.

Se do iuloke temas pri enkonduko de la Taylor-sistemo, oni devas ĉiam demandi: Ĉu ĉe la laboristaro troviĝas taŭga spiritstato por la sukcesa plenumo de ĝi? Ĉu ĝi povas esti efektivigata tute aŭ nur parte?

Se oni ne prizorgas aŭ ne ekkonas la animstaton de la laboristaro, la rezulto estas tre duba, kaj bona rezulto povas esti garantiata nur per ĝusta valorestimo de la spiritaj kondiĉoj.

*W. Pampfer.*
Trad.: *A. C.*

# La aerveturado je granda alteco

Dum dek jaroj la aviado grandege progresis. Neniu alia akirajo de l' homa spirito ĝuis tian rapidan disvolviĝon kaj tiajn brilajn triumfojn. Apenaŭ atingitaj, la rekordoj falas kiel malfirmajoj. Tia farajo, kiu ŝajnis hieraŭ neebla, plenumiĝas hodiaŭ kun ridinda facileco, kaj aperos morgaŭ kiel banalajo apenaŭ citinda.

Tamen multaj problemoj estas ankoraŭ solvotaj, kiuj eble malfermos antaŭ la homaro nekonjektatajn vojojn. Inter tiuj problemoj, tiu, kiu ŝajnas al ni plej grava pro la miregindaj eblajoj, kiujn ĝi kaŝas, estas la veturado je granda alteco, en tiuj glaciaj regionoj tiel vastege malplenaj, kiuj etendiĝas je 30 aŭ 40 mil metroj super ni.

Certe oni jam tre alten supreniris. Post tiu pala decembra tago en 1908, kiam W. Wright, tiam en Le Mans, sukcesis la unuan altecan rekordon, kiom multaj estis la pilotoj, kiuj suprenekflugis por konkeri la gloran trofeon.

Tiun jaron fine, la 10 km estis atingitaj, poste superitaj. Cazale en Francio kaj Rolland Rohlfe en Ameriko siavice enskribis en sian fararon tiun celitan ciferon.

Ĉu tiu rekordo estos venkita post nelonge, tio estas tre kredebla. Sed ĉu oni povos senfine daŭrigi tiun veturon, malproksimiĝi ĉiam pli for de la tero, de nia humila planedo? Ĉu ne estas „plafono" — nemateria sendube, sed netransirebla — kontraŭ kiu niaj pilotoj vane frapos per siaj ŝvebiloj?

Kaj plie, diros kelkaj malvastspirituloj, kion ni faros tie supre? Kion ni ja povus serĉi en tiuj glaciaj solejoj, krom memaman kontentecon aŭ ankoraŭ sciencan instruon? Kaj por tiu celo estas ja sondbalonoj ... Sendube tiuj kuraĝagoj estas ja belaj je sporta vidpunkto, sed tio estas ilia sola merito; ili estas danĝeraj kaj sen praktika utilo ... Ĉu certe? Sed antaŭ ol daŭrigi nian penson, antaŭ ol klarigi por niaj legantoj kelkajn maltimajn supozojn naskitajn ĉe kelkaj sagacaj cerboj, ni rediru unue kelkajn principojn, kies kono estas necesa.

La subtenado de aviadilo dependas de kvar faktoroj: la surfaco kaj la incideco de l' portantaj ebenoj (ĉefaj kaj vastaj ŝvebiloj k. t. p.), la translacia rapideco de l' aparato, fine la denseco de l' medio, en kiu ĝi troviĝas. Ambaŭ unuaj faktoroj — surfaco kaj incideco — estas ĝenerale nevarieblaj kaj fiksitaj por ĉiam ĉe la nunaj aviadiloj. Restas do la rapideco, kiun ni povas modifi laŭ certa kvanto, kaj la aerodenseco. Unuavide tiu ŝajnas same preskaŭ neŝanĝebla: ĉiuokaze ni ne povas variigi ĝin laŭ nia volo.

Ni tamen supozu — tio estas simpla hipotezo! — ke ni havas tiun povon. Se ni kapablus maldensigi la aeron, kiu ĉirkaŭas nin, kio okazus? Okazus, ke tiu aero malpli densa ne tiom portus, kaj ke, por daŭrigi la subtenadon de niaj aviadiloj, estus necese doni al ili rapidecon des pli grandan, ju pli la aero estus maldensigita.

Nu, ĉiu scias, ke tuj kiam oni altiĝas, la aero maldens-

iĝas; je 5000 metroj la atmosfera premo (do la denseco) estas nur la duono de tio, kio ĝi estas sur la tersurfaco; je 10,000 metroj, la triono — eble malpli — ĉar la prem-malpliiĝo ne estas proporcia kun la alteco.

Je 30 aŭ 40 mil metroj tiu maldensiĝo estas tia, ke la aero preskaŭ ne plu portas. Aeroplano, kiu vagadus je tiaj altecoj (supozante, ke tio estas ebla), devus havi movon potencege rapidan, se ne, ĝi ne povus tie teniĝi, ĝi falus... Sed, malgraŭ ŝajna kontraŭeco, tiu grandega rapideco necesa por la subtenado, estus des pli facile atingebla, ju pli maldensa estus la aero, pro tio ke la rezisto de tiu fluidaĵo kontraŭ penetrado fariĝus preskaŭ nesentebla. Ni rememoru la haŭbizojn de l' longpafa kanono uzita de la Germanoj dum tiu terura milito. Ĉar la kulmino de ilia trajektorio troviĝis je 16,000 metroj proksimume, grava parto de l' trairo plenumiĝis en „maldensa aero" — kio ĝuste permesis la longan trafpovon.

Sed ĉu ni povas prudente esperi atingi tian ĥimeran altecon?

Kompreneble, kelkaj kontraŭdiroj prezentiĝas, eltirataj, unuj el tekniko, aliaj el fiziologio.

Ni vidu unue la lastajn. La homo ne povas vivi en tia maldensa aero. Unue pro la manko de oksigeno, kiun li bezonas por bruligi la ensorbitan nutraĵon, el kiu li eltiras la varmon kaj la vivon. Aliparte, ĉar la atmosfera premo estas necesa por reteni en la interno de l' korpo la likvaĵojn en ĝi limigitajn, la sangon ekzemple.

Ni devas do antaŭvidi por nia aviadilo de „alta-atmosfero" loĝejon (kajuton, daŭbaĵon) plene nepenetreblan, hermetikan, kun muroj sufiĉe firmaj por kontraŭstari la premdiferencon (maksimume unu atmosferon) inter la ekstero kaj la interno. Por renovigi la aeron, kiu en fermita spaco rapide fariĝus nespirebla, kaj konservi, en okazo de forflueto, sufiĉan aerpremon, du sistemoj estas eblaj: ventolilo speciale taŭga kaj premanta la aeron eltiratan el ekstere (kaj maldensa, ni ne forgesu!), aŭ rezervo de oksigeno ĉu premegata, ĉu livka. Ĉio tio estas tute realigebla en la nuna stato de nia tekniko.

La malvarmo, tiel timinda, kiu regas je tiuj altecoj, stariĝas tute malgravan baron. Sufiĉus konstrui la murojn de l' daŭbo per materioj tre malbone kondukantaj la varmon kaj utiligi, kiel hejtaĵon — cetere tute novstilan — la gasojn ellasitajn de l' motoro.

La mekanikaj kontraŭdiroj estas multe pli atentindaj. La teknikistoj scias de longe, ke la eksplodmotoroj estas ĉiam des malpli potencaj, ju pli ili altiĝas, kaj ties kaŭzo estas precize la malpliiĝo de l'atmosfera premo: tiel 100 HP. motoro liveras nur 50 HP. inter 5 kaj 6 mil metroj, kaj 30 ĝis 35 HP. je 10 mil metroj. Celante forigi tiun gravan malhelpaĵon, talenta Franca inĝeniero, S-ro Rateau, eltrovis aranĝon, pri kiu oni ofte parolis lastatempe, kaj kiu permesas daŭre havi premon ĉiam egalan ĉe la enirejo en la karburilo.

La motoroj provizitaj per la aranĝaĵo de Rateau konservas do sian plenan potencon, kia ajn estas la alteco. Provoj faritaj kun Breguet-aviadiloj estis nepre pruvigaj pri tia punkto. Tiuj aparatoj, kiuj atingis ĉe l' ternivelo preskaŭ 180 km hore, kaj kiuj liveris nur, je 5 aŭ 6 mil metroj, sekve de l' malpotenciĝo de l' motoro, rapidecon da 140 ĝis 150 km, atingis 220 km super 4000 metroj dank' al la sistemo Rateau.

Resume tio, kion faras tiu ĉi por la motoro, estas ĝuste tio, kion ni proponis fari por la pasaĝeroj. La problemo solviĝas per internigo de la motoroj kaj de la vojaĝantoj en fermitan spacon kaj sub konstanta premo.

La plej serioza kontraŭdiro, la vera, la sola, kontraŭ la aerveturado kun granda rapideco kaj je granda alteco, devenas de la puŝrimedo, de la helico, ĉar verdire ni ne konas alian (almenaŭ utiligeblan).

La nunaj helicoj, ĝenerale konstruitaj por esti muntitaj firmligite sur motoroj, turniĝantaj po 1350 ĝis 1400 rotacioj, havas diametron variantan de 2,50 m ĝis 3 m, tio estas inter sufiĉe mallarĝaj limoj. Ilia ŝraŭbpaŝo varias pli amplekse, laŭ la potenco de l' motoroj kaj la atingota rapideco. Tamen la rilato inter la paŝo kaj la diametro ne facile povas esti malpli ol la duono, nek ĉefe superi la duoblon. Oni tuj vidas, ke por la rapidecoj antaŭvidataj, kaj ebligataj de la aera maldenseco en la altaj regionoj, rapidecoj superantaj 1000 km hore, niaj nunaj helicoj estas absolute neutiligeblaj.

Aliparte, oni ne povas esperi turnigi ilin pli rapide, unue pro la centrifuga forto, kiu pliiĝante laŭ grandegaj proporcioj, baldaŭ dispeciĝus ilin; ankaŭ estis pruvite, ke la utila forto de la helicoj malpliiĝas tre rapide super fiksita angula rapideco.

La sola ebla solvo estus la uzo de helicoj kun granda diametro kaj granda paŝo, turniĝantaj malrapide, almenaŭ ĉe la tersufaco, kie la aerrezisto estas forta, kaj akcelantaj sian rotacion samtempe kun la altiĝo. Pro tio necesas rapideco-ŝanĝilo inter la motoro kaj la puŝilo, kun celo plej bone utiligi la movpotencon, kiel oni cetere faras ĉe la aŭtomobiloj.

Estas ankaŭ eble imagi helicojn kun variebla paŝo, sendube nefacile konstrueblajn, sed ne nepre nefareblajn. Ĉe la foriro, en la densaj aertavoloj, oni utiligus la minimuman paŝon. Grade la angulo de l' aloj estus pliigata kaj la rapideco konstante kreskigata ĝis maksimumo.

Kiu povus esti ĉi tiu? Estas sufiĉe malfacile — pli verdire neeble — havi pri tio precizan ideon, ĉar ĝi dependos, ne nur de la atingita alteco, sed ankaŭ de la propra rezisto de la aparatoj. Tiu rezisto devenas de ilia formo, kaj ankaŭ en tiu rilato la evoluo ne estas finita. Ni memoru, ke hodiaŭ rapideco da 300 km hore estas praktike realigata kaj je kelkaj metroj super la tero. Je granda alteco, rapideco da 1000 ĝis 1500 km hore havas nenion nekredeblan (oni eĉ riske citis lastatempe la ciferon 1610 — kio vere estas tro preciza ...).

Konsekvenco, certe miriga, kiu rezultus el la praktika utiligo de l' alteca aerveturado, estus la ŝparo ĥavigata. La elspezo pro brulmaterialo en aviadilo estas efektive proporcia kun la tempo de funkciado de l' motoro — ne kun la traflugita vera distanco. Ni elektu, ekzemple, 500 HP. aviadilon kapablan portadi ses personojn; ĝi uzas meze po 100 litroj hore. Ni supozu, ke ĝi sukcesus trairi dum kvar horoj la interspacon da 4000 km proksimume, kiu disigas Parizon de Nov-Jorko; la pezo de l' brulaĵo kunprenota estus vere malgrava kaj la vojaĝo tre malmultekosta!

La eternaj skeptikuloj levos denove la ŝultrojn ... Tamen oni povas antaŭvidi, sen troa optimismo, epokon ne tre malproksiman, kiam aviadilo provizita proksimume kiel ni ĵus diris, ekflugos de Nov-Jorko, aŭ de iu alia loko de l' Amerika bordo, altiĝos post 100 aŭ 200 km ĝis la etera kaj dezerta regiono, kiun la homo en siaj plej fantaziaj revoj neniam esperis ekposedi, kaj post kelkaj horoj atingos la bordon Eŭropan. Per longa malsupreniĝo, ĝi realiros tiam la teron, tute kiel niaj nunaj aviadiloj kaj sen specialaj danĝeroj ...

Nerealigebla mirindaĵo? Ne. Antaŭ ne pli ol ses jaroj, en studo tamen serioza, viro ne suspektebla je novajtimo, Franca inĝeniero Saunier, konkludis, ke estas nepre neeble traveturi Atlantikon per aviadilo. Hodiaŭ la nekredebla heroaĵo estas plenumita ago. En 16 horoj Alcock kaj Brown ligis super la ondoj la du forajn bordojn.

La morgaŭa aviado spertos aliajn triumfojn!

*M. D. Perret.*
Trad.: *G. Stroele.*

---

# ✿ NOTOJ ✿

.·. **La temperaturo de la steloj.** — Neeble ŝajnas mezuri la temperaturon de tiuj tre malproksimaj sunoj, de kiuj nin atingas nur malforta brileto. Multajn jarojn bezonas tiu ĉi por nin atingi kaj estas kompreneble, ke ĉiuj ordinaraj instrumentoj ne sufiĉas por mezuri temperaturon je tiu grandega distanco. Ni povas mezuri nur la radiadon, ĉar ĝi dependas de la temperaturo. Tre komplikaj vojoj kondukis fine la du astronomojn Wilsing kaj Scheiner al rezultato. Citi tiujn ĉi komplikaĵojn ne estas eble tie ĉi. Sed interese estas sciiĝi pri la temperaturo de kelkaj konataj steloj. Por komparo ni memorigu, ke la temperaturo de la suno atingas ĉ. 5200 gradojn laŭ Celsius. La plej varmegaj steloj brilas tute blanke. La malpli varmegaj havas iom flavan koloron kaj la tute flavaj sunoj rilatas al la temperaturo de la centra stelaro de nia sunsistemo. La maljuniĝantaj sunoj, kies varmeco estas proporcie malgranda, estas orangkoloraj kaj la malplej varmaj estas ruĝaj. La temperaturo de tiuj ĉi estas ĉ. 3200 gradoj, tiu de la orangkoloraj 4000 gradoj. La flavaj sunoj havas 5400 kaj la malpli flavaj 6300 gradojn. La temperaturo de la blankaj steloj estas inter 8700 ĝis 9600 gradoj, sed ankaŭ superas 10,000 gradojn.

Laŭ Wilsing kaj Scheiner, la plej varma el la mezuritaj sunsteloj estas la stelo Lambda en Oriono, kiu cetere ne apartenas al la helaj objektoj de tiu stelgrupo kaj havas nur lumforton de 3,7. Ĝia efektiva temperaturo estas taksita je 12,800 gradoj. Sed la hela stelo Beteigeuze en Oriono, kies ruĝa koloro estas konata, havas ne pli ol 2900 gradojn. Do, la heleco de sunstelo estas tute diferenca de ĝia vera temperaturo. La duan lokon havas la stelo Alpha en Delphin. 10,400 gradojn havas la stelo Zeta en Bootes; 10,300 gradojn la stelo Gamma de la Ĝemeloj kaj 10,000 gradojn la stelo 67 en Ophiuchus. Unu el la plej varmaj steloj estas Gemma, la plej hela el la grupo de la Norda Krono, kiu havas 9600 gradojn. Aliaj konataj steloj estas citindaj: Regulus en la Granda Leono 9400 gradoj, tute blanka stelo; la ruĝa Arcturus en Bootes havas nur 3500 gradojn. Atair, la blanka ĉefstelo en Aglo, havas 7100 gradojn; Alpha de Andromeda havas 8000, Beta en la sama grupo, kiu brilas same hele, nur 2900 gradojn. Pollux en la Ĝemeloj havas 4400 gradojn. La plej malalta temperaturo de 2800 gradoj havas My de la Ĝemeloj kaj Chi de la Serpento. Astrofizikisto Prof. Nordmann eltrovis pli altajn stelajn temperaturojn. Laŭ li la stelo Delta en Perseus havas 55,000 gradojn kaj Lambda en Virbovo eĉ pli ol 60,000 gradojn. Cetere la lasta ne povis esti mezurata precize, ĉar ĝia altega temperaturo transiras la limon, ĝis kie la instrumentoj kaj metodoj de Nordmann estas fidindaj. Oni vidas el tiuj grandegaj varioj en la ambaŭflankaj rezultatoj, ke la problemo ŝajnas esti ankoraŭ malproksima de sia plena solvo.

.·. **Heredeco kaj kriminaleco.** — Dum 1919 mortis en Anglio juna sciencisto, D-ro Goring, kiu antaŭ sia morto publikigis pri heredeco kaj kriminaleco gravan verkon, al kiu multe interesiĝis la kriminalistoj:

D-ro Goring, kiu pristudis 3000 krimulojn, precipe koncerne ilian fiziologion kaj prapatraron, asertas, ke la krimo rezultas de heredeco, same kiel la melankoliemo. La anoj de certaj familioj estas emaj al krimo, same kiel aliaj estas emaj al memmortigo. En iuj familioj, generacio post generacio, individuoj montras inklinon al ludemo, drinkemo, trompemo aŭ krimemo. La malsociemo estas certe hereda, eĉ en la familioj, al kiuj mankas nek instruo, nek eduko. Goring konkludas, ke la krimo rezultas de natura hereda inklino de iuj homoj, ne de la eduko aŭ de la medio.

La Itala sciencisto Lombroso estis eltrovinta, ke oni povas ekkoni krimulon laŭ la formo de lia kranio. La esploroj de Goring tion malkonfirmas. Li ekzamenis kaj mezuris la kranion de 300 krimuloj, kaj el tio difinis tipkranion, kiun li komparis kun kranioj de normalaj homoj. Rekonstruinte la mezan tipkranion de la viroj de ĝenia bataliono kaj komparinte ĝin kun la tipkranio de siaj krimuloj, li trovis nenian atentindan diferencon. Sekve, laŭ Goring, ne ekzistas absoluta tipo de krimulo.

La Anglaj kriminalsciencistoj ne rigardas tiun rezulton kiel definitiva, ĉar Goring ne havis la tempon multigi siajn eksperimentojn, sed ili intencas fari sistemajn studojn kaj eksperimentojn por juĝi, ĉu la konkludoj de Goring estas ĝustaj. — *E. A.*

.·. **Ĉu financo-ministroj estas profitegistoj?** — Antaŭ nelonge oni faris en Anglujo novan leĝon, kiu celas la haltigon de la konstanta leviĝado de prezoj por ĉiuj artikoloj de l' vivo kaj ordinara neceso. Laŭ tiu leĝo oni starigis lokajn tribunalojn, kiuj nomiĝas „kontraŭprofitegistaj komitatoj". Ĉiu persono, kiu aĉetis iun artikolon kaj pensas, ke la prezo pagita estas neordinare alta, povas plendi antaŭ tiu komitato, kiu havas la rajton ordoni la repagon de la diferenco inter la justa prezo kaj tiu pagita aŭ en serioza okazo ankaŭ procesi kontraŭ la pekinta vendisto.

Lastatempe D-ro Edwin Cannan, profesoro de politika ekonomio en la universitato Oxford, metis plendon antaŭ la komitato de tiu urbo kontraŭ la Brita financo-ministro, kiu kaŭzis sensacion tra la lando. „S-ro Chamberlain (la financo-ministro), diris Prof. Cannan, faradas neordinaran profiton en la kurantaj banknotoj. Banknoto, kies fabrikado kostas malpli ol unu pencon, estas vendata por unu funto sterlinga. Krom tio, la banknotoj estas eldonitaj en neproporciaj kvantoj, kaj tiu pli-ol-necesa eldono estas ekstreme malutila. Ĝi efektive estas la kaŭzo de la nunaj tre altaj kaj ĉiam plileviĝantaj prezoj, kiuj estas juste bedaŭrataj de ĉiuj bonintencaj personoj. Altaj prezoj estas respondaj je la kontraŭprofitegista leĝo kaj je la ekzisto de tiu tribunalo. Por haltigi pluan eldonon de tiuj banknotoj, D-ro Cannan petis la komitaton, transdoni sian plendon al la prezidanto de la komerca ministrejo, kaj postuli de la prezidanto, ke li tuj procesu kontraŭ la financo-ministro kiel la arĥiprofitegisto, kies profitoj estas en la skalo de 23,900 % je la unufuntaj biletoj kaj de 11,850 % je la dekŝilingaj. Se la komitato trovos lian plendon ekster sia aŭtoritateco, li sugestias, ke ĝi rezignu. Kia estas la utilo elfosi iun altan prezon ĉi-tie kaj tie, se malpermesate provi detranĉi la ĉefan fonton, la provizon de la papera mono, kiu ruinigas tutan Eŭropon kaj minacas la tutan civilizon?"

Tiam sekvis alte deflankiga interparolo. La sekretario de la komitato demandis, ĉu la plendo estas serioze intencita, kaj li dubis ĉu la bankbiletoj povas esti konsiderataj kiel artikoloj, kiujn oni vendas. Prof. Cannan esprimis surprizon, ke iu povus koncepti ĝin ebla, ke li estus ŝercinta pri tia serioza demando kiel la leviĝo de prezoj. Li volis, ke la Oxforda komitato faru ion por montri al la registaro, ke la lando vekiĝas al la fakto de la situacio. La plendo estis nuligata. — *J. Applebaum.*

.·. **Sekvoj de la alkoholmalpermeso.** — En kunsido de la Amerikana karcera asocio (American Prison Association), lastatempe okazinta en New York, la komisaro pri la puninstitutoj, D-ro James A. Hamilton, montris, ke unu el la sekvoj de la alkoholmalpermeso estas la kreskanta uzo de venenaj, narkotaj drogoj. Kvankam ili estis grandkvante detruitaj, opio, morfino, kokaino estas ĉiam troveblaj de boninformitoj sen grandaj malfacilaĵoj. Multe da mono estas gajnata per tiu neleĝa komerco, ĉar la personoj, kiuj sin fordonas al tiuj ĝuiloj, estas pretaj ĉion oferi por kontentigi sian deziron. La nombro de la narkotuloj kreskas, ĉar personoj, kutimintaj drinki viskion, nun uzas surogatojn en la formo de opio, morfino aŭ kokaino. Estas timinde, ke bier- kaj vintrinkantoj, kiam ili ne plu povos konsumi hejme bieron kaj vinon, sin turnos al la multe pli danĝeraj narkotaj surogatoj. La parolinto konkludis, ke oni almenaŭ permesu la konsumadon de la malplej danĝeraj trinkaĵoj, t. e. biero kaj vino. La abstinuloj certe ne konsentos pri tiu konkludo. — *Z. Z.*

.·. **Nova speco de asekuro.** — Granda Brita asekursocieto asekuras de post septembro 1919 la anojn de iu ajn administra komerca konsilantaro kontraŭ la respondeco de la administra konsilantaro ĝis 500 funtoj por £ 1.5 ŝ. jare. Por pli grandaj asekursumoj, estas starigita speciala tabelo.

 LITERATURO 

# Pli-malpli seriozaj sentencoj

De **Oscar Wilde**

**La stranga karaktero de Oscar Wilde kaj la ofte ankoraŭ pli miriga senco de liaj vortoj tre malfaciligas al la leganto de liaj verkoj ĉiam certe distingi inter seriozaj opini-esprimoj de l'aŭtoro kaj malpli seriozaj ludaĵoj. Pleje tio rilatas al la paroloj de la personoj en lia romano („The Picture of Dorian Gray"), kies ĉef-karakteroj ja havas multajn trajtojn de sia elpensinto, kaj en liaj komedioj, kiujn la poeto verkis pli por ridigi, amuzi kaj aplaŭdigi ol por edifi aŭ eduki la publikon. Do liaj paradoksoj, kvankam ili regule estas nur kelkfoje-veraj aŭ duone-veraj, tamen prezentiĝas, kvazaŭ ili estus profundaj veraĵoj. Tion sciante kaj sekve de tio rezignante je ĉiu morala indigniĝo dum la legado, oni povas sendanĝere ĝui la eminentan spritecon de Oscar Wilde, pri kiu la sekvantaj specimenoj donu imagon. — *(Rim. de l' trad.)***

## El: *Lady Windermere's Fan. Teatraĵo pri bona virino*

Mi timas, ke bonaj homoj faras multon da malutilo en tiu ĉi mondo. Certe la plej granda malutilo, kiun ili faras, estas, ke ili rigardas la malbonecon kiel tiom eksterordinaran gravaĵon. — Estas absurde dividi la homojn je bonaj kaj malbonaj. La homoj estas aŭ ĉarmaj aŭ tedaj. Mi aliĝas al la partio de la ĉarmaj.

Plorado estas la rifuĝo de nebelaj virinoj, sed la ruino de beletaj.

Malfeliĉojn oni povas elteni — ili venas de ekstere, ili estas akcidentoj. Sed suferi pro siaj propraj eraroj — tio estas pikilo por la vivo.

Mi estas la ununura persono en la mondo, kiun mi dezirus koni tute precize.

Inter viro kaj virino neniu amikeco estas ebla. Tie estas pasio, malamikeco, adoro, amo, sed ne amikeco.

Se virino volas teni viron, ŝi devas nur apelacii al tio, kio estas la plej malbona en li.

Viroj estas malkuraĝuloj. Ili malrespektegas ĉiun leĝon de l' mondo — kaj timas la langon de l' mondo.

Mi volonte parolas al brikmuro — ĝi estas la ununura aĵo en la mondo, kiu neniam kontraŭdiras al mi.

La vivo regas nin, ne ni regas ĝin.

Mi ne opinias ke la homoj povas esti dividataj je bonaj kaj malbonaj, kvazaŭ ili estus du apartaj rasoj aŭ kreaĵoj. La virinoj, kiuj estas nomataj bonaj, povas havi terurajojn en si, frenezajn kapricojn de senkonsidereco, pravemo, ĵaluzo, peko. Malbonaj viroj tiel nomataj povas havi en ŝi ĉagrenon, penton, kompaton kaj oferpretecon.

Koro ne konvenas al modernaj vestoj. Ĝi aspektigas onin maljuna, kaj ĝi malsukcesigas onian karieron en krizaj momentoj.

Kio konsolas onin nuntempe, estas ne pento, sed plezuro.

Se virino vere pentas, si devas iri al malbona tajlorino; alie neniu kredas al ŝi.

La mondo estas sama por ni ĉiuj, kaj bono kaj malbono, peko kaj senkulpeco, iras tra ĝi manon en mano. Fermi siajn okulojn al duono de l' vivo por vivi sekure, tio estas kvazaŭ oni blindigus sin mem por paŝi pli sekure en lando de abismoj kaj rifoj.

Mi neniam instruas moralon. Viro moralinstruanta kutime estas hipokritulo, kaj virino moralinstruanta estas neŝanĝeble malbela. Ekzistas en la tuta mondo nenio tiel nekonvena al virino kiel tro severa konscienco. Kaj la plej multaj virinoj scias tion, feliĉe.

Kiam ajn la homoj samopinias kun mi, mi ĉiam sentas, ke mi certe estas malprava.

Ni estas ĉiuj en la defluejo, sed kelkaj el ni rigardas al la steloj.

Ekzistas nenio en la mondo, kia la sindono de edziniĝinta virino. Tio estas afero, pri kiu neniu edziĝinta viro iom scias.

Cinikulo estas homo, kiu konas la prezon de ĉio kaj la valoron de nenio. Kaj sentimentalulo estas homo, kiu vidas absurdan valoron en ĉio kaj ne konas la foirprezon de iu unuopa aĵo.

Sperto estas la nomo, kiun oni donas al siaj eraroj.

Sen eraroj la vivo estus tre enuiga.

## El: *The Picture of Dorian Gray*

Beleco, vera beleco finiĝas, kie intelekta esprimo komenciĝas. Intelekto estas en si mem trograndigaĵo kaj detruas la harmonion de ĉiu vizaĝo. En la momento, kiam oni estas pensonta, oni iĝas tute nazo aŭ tute frunto aŭ io alia abomena. Rigardu la sukcesintojn en iu el la sciencaj profesioj. Kiel perfekte malbelaj ili estas!

Estas fatalo rilate al ĉiu korpa kaj intelekta distingiteco, la speco de fatalo, kiu ŝajnas sekvi tra la historio la balanciĝajn paŝojn de l' reĝoj. Estas pli bone ne esti diferenca de siaj kunuloj. La malbeluloj kaj malsaĝuloj profitas plej multe de tio en ĉi tiu mondo. Ili povas trankvile sidadi kaj senzorge rigardi la ludon. Se ili scias neniom da venko, ili almenaŭ ne devas koni malvenkon. Ili vivas kiel ni ĉiuj devus vivi, neĝenate, indiferente kaj sen maltrankvilo. Ili nek alportas ruinon al aliuloj, nek ricevas ĝin el aliulaj manoj.

Kiam mi amas homojn senmezure, mi neniam diras al iu iliajn nomojn. Tio ŝajnas kvazaŭ oni transdonus parton de ili. Mi amas sekretecon. Ĝi estas la sola afero, kiu povas fari la modernan vivon mirakla aŭ mistera por ni. La plej ordinara afero estas ĉarmplena, se nur oni kaŝas ĝin.

Unu el la ĉarmoj de la edzeco estas, ke ĝi necesigas vivon de trompo por ambaŭ partoj.

Esti natura estas nur pozo, kaj la plej koleriga, kiun mi konas.

Konscienco kaj malkuraĝo estas vere la samaj aferoj. Konscienco estas la komerca nomo de la firmo. Jen ĉio!

Mi elektas miajn amikojn laŭ ilia bona aspekto, miajn konatojn laŭ ilia karaktero kaj miajn malamikojn laŭ ilia prudento.

Ni ne povas toleri aliajn homojn, kiuj havas la samajn malvirtetojn kiel ni mem.

La valoro de iu ideo neniel dependas de la sincereco de la homo, kiu esprimas ĝin. Fakte estas verŝajne, ke ju pli nesincera la homo estas, des pli pure intelekta estas la ideo, ĉar tiakaze ĝi ne estas kolorita de iuj liaj bezonoj, liaj deziroj aŭ liaj antaŭjuĝoj.

Mi pli ŝatas personojn ol principojn. Kaj nenion pli ol personojn sen principoj.

La homoj, kiuj estas fidelaj, konas nur la plezurojn de l' amo; nur la nefideluloj konas ĝiajn tragediojn.

Estas malĝojiga afero, se oni pripensas, sed estas neniu dubo, ke genio daŭras pli longe ol beleco. Tio klarigas la fakton, ke ni ĉiuj tiom penas superklerigi nin. En la sovaĝa batalo pri ekzisto ni volas havi ion, kio daŭras, kaj tial ni plenigas nian spiriton je rubo kaj faktoj en la malsaĝa espero defendi nian pozicion. La tutege boninformita viro — tio estas la moderna idealo. Kaj la

spirito de la tutege boninformita viro estas terurajo. Ĝi estas kvazaŭ antikvajmagazeno, plena je monstroj kaj polvo, kie ĉio estas prezosignita super sia efektiva valoro.

Beleco estas formo de l' genio — estas vere pli alta ol genio, ĉar ĝi ne bezonas klarigon. Ĝi estas unu el la grandaj faktoj de l' mondo, kiel la sunlumo aŭ la printempo aŭ en malhelaj akvoj la reflekto de tiu argenta konko, kiun ni nomas la luno. Ĝi ne povas esti dubata. Ĝi havas sian dian rajton de suvereneco. Ĝi faras princojn el tiuj, kiuj havas ĝin. — La homoj diras kelkfoje, ke la beleco estas nur surfaca. Tio povas esti. Sed almenaŭ ĝi estas ne tiel surfaca kiel la pensado. Por mi beleco estas la miraklo de ĉiuj mirakloj. Nur malprofundpensaj homoj juĝas ne laŭ la ŝajno. La vera mistero de l' mondo estas la videblo, ne la nevideblo.

Elektitaj kaj el la Angla lingvo tradukitaj de *Walter Lippmann.*

---

# La bonfarinto

Poemo en prozo de **Oscar Wilde**

Estis nokto, kaj Li estis sola.

Kaj malproksime Li vidis la murojn de ronda urbo kaj iris al la urbo.

Kaj veninte pli proksimen Li aŭdis en la urbo la ĝojan paŝadon de la piedoj, la gajan ridadon de la buŝo kaj la laŭtan bruon de multaj liutoj. Kaj Li frapis al la pordego kaj iu el la pordegogardistoj malfermis al Li.

Kaj Li ekvidis domon; tiu estis el marmoro, kaj belaj marmorkolonoj staris antaŭ ĝi. Sur la kolonoj pendis girlandoj, en ĝi kaj ekstere estis torĉoj el cedroligno. Kaj Li eniris la domon.

Kaj trapasinte la halon el kalcedono kaj la halon el jaspo kaj veninte en la longan festhalon, Li vidis, kuŝanta sur purpura kuŝejo, junulon, kies hararon kronis ruĝaj rozoj kaj kies lipoj estis ruĝaj per vino.

Kaj Li iris post lin, tuŝis lian ŝultron kaj diris al li: „Kial vi vivas tiamaniere?“

Kaj la juna viro returniĝis, rekonis Lin kaj diris responde: „Iam mi estis leprulo kaj vi sanigis min. Kiel alie mi vivu?“

Kaj Li forlasis la domon kaj reiris en la straton.

Kaj post mallonga tempo Li vidis virinon, kies vizaĝo kaj vestaĵo estis surpentritaj kaj kies piedoj portis ŝuojn kun perloj. Kaj post ŝi venis, malrapide kiel ĉasisto, juna viro portanta mantelon dukoloran. La vizaĝo de la virino estis kiel la bela vizaĝo de idolino, kaj la okuloj de la juna viro brilis pro avido. Kaj Li sekvis rapide, tuŝis la manon de la juna viro kaj diris al li: „Kial vi rigardas al tiu virino kaj tiamaniere?“

Kaj la juna viro returniĝis, rekonis Lin kaj diris: „Iam mi estis blinda, kaj vi donis al mi vidpovon. Al kio alia mi rigardu?“

Kaj Li kuris antaŭen, tuŝis la pentritan veston de la virino kaj diris al ŝi: „Ĉu vi ne povas iri alian vojon anstataŭ la vojo de l' peko?“

Kaj la virino returniĝis, rekonis Lin kaj diris ridante: „Vi al mi ja pardonis miajn pekojn, kaj tiu ĉi vojo estas vojo agrabla.“

Kaj Li iris el la urbo.

Kaj elirinte la urbon Li vidis sidanta sur la stratrando junan viron, kiu ploras.

Kaj Li iris al tiu, tuŝis la longajn buklojn de lia hararo kaj diris al li: „Kial vi ploras?“

Kaj la juna viro suprenrigardis, rekonis Lin kaj respondis: „Iam mi estis mortinta, kaj vi vekis min el la morto. Kion alian mi faru ol plori?“

El la Angla originalo tradukis:
*Walter Lippmann.*

---

# BUDAI ILONA

*Malnova Hungara popolbalado*[1]

*Budai Ilona aŭdas sur balkono:*
*Malamikoj rabas en la regiono.*
*Tuj la trezorkest' en ŝian penson venis,*
*Ŝi la trezorkeston sub la brakon prenis,*
*Tenis filineton ŝi ĉe l' dekstra mano,*
*Kurpovantan filon ĉe l' maldekstra mano.*

*Kaj ŝi iras, iras tra l' arbaro zuma*
*Sur senvoja vojo, en arbar' malluma*
*Foje aŭdas: hufoj de ĉeval' frapetas,*
*Filineton ŝian tiam ŝi demetas.*
*Veis filineto kun dolora ploro:*
*„Panjo, ho kompaton havu via koro,*
*Ho min ne forlasu, mi pro tim' ja mortos“ —*
*„Ja mi vin forlasos, mi plu vin ne portos,*
*Ĉar al mi filinon donos Di' alian,*
*Sed trezoron novan donos 'li neniam.“*

*Iras ŝi, pluiras tra l'arbaro zuma*
*Sur senvoja vojo, en arbar' malluma*
*Foje aŭdas: hufoj de ĉeval' frapetas,*
*Kurpovantan filon tiam ŝi demetas,*
*Veis la fileto kun dolora ploro:*
*„Panjo, ho kompaton havu via koro,*
*Ho min ne forlasu, mi pro tim' ja mortos“ —*
*„Ja mi vin forlasos, mi plu vin ne portos,*
*Ĉar al mi fileton donos Di' alian,*
*Sed trezoron novan donos li neniam.“*

*Iras ŝi, pluiras tra l'arbaro zuma*
*Sur senvoja vojo, en arbar' malluma*
*Venis ŝi al vasta, bela kamp' je fino,*
*Venis ŝin renkonte tie, jen, bovino,*
*Kiu unu idon inter kornoj tenis,*
*Per blekad' alian post sin voki penis,*
*Ilona ekvidis, kaptis ŝin sufero,*
*Ŝi kun plor' dolora jetis sin al tero,*
*Ĵetis sin al tero, veis sinkulpigon:*
*Senanima best' ne lasas sian idon,*
*Dio, mia Dio, do mi kun animo*
*Kiel ilin povis lasi en la timo?“*

*Kaj ŝi tuj reiras tra l'arbaro zuma*
*Sur senvoja vojo, en arbar' malluma*
*La fileton trovis, brakojn ŝi etendis,*
*Ŝi lin bele vokis, al la brust' atendis.*
*„Mi ne iras, ĉar ne estas ja patrin' vi,*
*Se patrin' vi estus, ne lasintus min vi“.*

*Iras, ŝi pluiras tra l' arbaro zuma,*
*Sur senvoja vojo, en arbar' malluma*
*Filineton trovis, brakojn ŝi etendis,*
*Ŝi ŝin bele vokis, al la brust' atendis.*
*„Mi ne iras, ĉar ne estas ja patrin' vi,*
*Se patrin' vi estus, ne lasintus min vi.“*

*Ŝi, aŭdinte tion, ploris kun malĝojo,*
*„Ho, ve, mi jam estas, kiel arb' ĉe vojo.*
*Kiu preteriras, rompu min per boto,*
*Rompu min per boto, premu min en koto.“*

El Hungara lingvo
trad.: *D-ro Kolomano de Kalocsaj.*

[1] Budai Ilona = Heleno Budai. En la Hungara lingvo oni antaŭe skribas la familian nomon.

# Pri Esperanta verkado

Mi ne skribis librojn, mi ne estas aŭtoro, sed tamen mi kuraĝas aŭdigi mian voĉon kontraŭ malĝoja fenomeno de nia literaturo, kiu kaŭze de l' malpensemo de kelkaj verkistoj reprezentas konstantan danĝeron por la libera evoluo kaj disvastiĝo de nia lingvo.

Ĉiu verkisto klopodas eltiri el la komplekso de sia skribaĵo per originaleco de stilo tiun sonan kaj psiĥan efikon, kiu plej bone konformiĝas al la temo pritraktata kaj certigas la simpation de la legantaro. Ankaŭ se la rezultato ne ĉiam estas kontentiga, certe oni ne devas pro tio kulpigi la lingvon mem, sed la diversan gradon de talento, per kiu la verkistoj estas dotitaj.

Tiel oni estas unuflanke devigata aljuĝi al granda nombro da verkoj limigatan literaturan valoron, kaj oni devas aliflanke admiri la belecon, kiu aliajn verkaĵojn distingas kaj ilin tre levas super la granda maso da mezvaloraj produktaĵoj. Tiun belecon konsistantan en trafa elektado de l' esprimoj, ĝusta lokigo de la vortoj, logika sekvo de la propozicioj, mi difinas kiel originaleco de stilo.

Ke tion ĉi — kaj tre kompreneble — oni renkontas ankaŭ en nia literaturo, mi ne bezonas aparte rimarki. Mi devas tamen konstati, ke dum multaj verkistoj skribas facile, simple kaj per metodo tute komprenebla ankaŭ al komencantoj, aliaj kontraŭe uzas, por diri la samon, malfacilajn parolturnojn, malkutimajn vortojn kaj precipe troan aplikadon de afiksoj.

Bedaŭrinde okazas iom ofte, ke, legante iun aŭ alian verkon, oni devas fari similajn konsiderojn. De si mem altrudas sin tiam la demando: ĉu pli klara esprimmaniero ne estis ebla al la aŭtoro, ĉu li tian nefacilan skribadon nepre bezonis?

Al tiu fenomeno de nia literatura produktado estas dediĉata la sekvanta artikolo, ĉar laŭ mia opinio oni ne povas senkulpigi tiun malbonaĵon ekskluzive per la diversa talento de la verkantoj, sed kontraŭe oni devas serĉi ĝian radikon parte en aliaj cirkonstancoj.

Tri estas la ĉefaj kaŭzoj de tiu malĝoja fakto, t. e. ambicio, tro laŭvortaj tradukoj kaj lingvaj skrupuloj.

Ekzistas aŭtoroj, kiuj faras tro grandajn cedojn al la persona ambicio. Ili deziras tiamaniere verki, kiel ankoraŭ neniu alia verkis. Nesana manio de originaleco kvazaŭ perfortas ilin. Originaleco por si mem estas nature tre dezirinda; sed por ĉio ajn ekzistas limoj en la naturo. Kaj la limoj en nia kazo estas diktataj de la postulato de lingvo internacia pri ĝenerala facila interkompreniĝo.

Multaj verkistoj tradukas laŭvorte el sia patra lingvo, ne atentante, ke Esperanto posedas, kvankam artefarita, tute propran lingvan spiriton kunmetitan el plej diversaj elementoj; laŭvorta traduko el nacia lingvo Esperanten enhavos kontraŭe ĉiam la spiriton de la lingvo, en kiu la peco unue estis verkata. Rezultos do malfaciligo de l' komprenado por ĉiuj popoloj, kies lingvo ne estas precize konstruata kiel tiu de la verkisto.[1]

Mi diris ankaŭ pri lingvaj skrupuloj; kaj efektive multaj estas la verkistoj, kiuj tro detale analizas la vortojn uzotajn, pro timo ne esti sufiĉe klaraj aŭ fari logikan malkorekton. Preskaŭ ĉiu vorto kaŭzas al ili longdaŭran pripensadon: la esprimoj fariĝintaj kvazaŭ stereotipaj en la viva uzado de nia lingvo al ili plu ne taŭgas; kontraŭe ili tentas kunmeti ĉiam pli novajn kaj pli precizajn. Ili pekas kutime pro tro granda aplikado de la afiksoj, kaj, trouzante la tiurilatan fleksneblecon de Esperanto, samtempe ili kontraŭvole malutilas al nia lingvo.

Mi citos ekzemple nur kelkajn rimarkojn pri la vorto „lernejo", kiujn mi foje aŭdis el la buŝo de tre fervora samideano: „ejo" havas la ĝeneralan sencon de spaco, loko destinita por io. Tial lernejo signifas la lokon destinitan por lerni. Laŭvorte „lernejo" ne havas do la signifon, kiun ĝi posedas kutime en ĉiuj civilizitaj landoj, sed ĝi povas reprezenti kiun ajn lokon, kie oni ion lernas, ekzemple ankaŭ ĝardeno aŭ arbaro. Por kontentigi la logikulon oni devus sekve enkonduki en la vorton novan elementon pli klare esprimantan la kvaliton de tiu ĉi spaco (ejo). Ni provu per la vorto „domo". Lernodomo estas la domo, en kiu oni lernas. Sed tio ne devas esti absolute lernejo en kutima senco, sed povas kontraŭe signifi ankaŭ ian alian domon, en kiu oni lernas. Simila provo kun la vorto „ĉambro" aŭ aliaj esprimoj certe ne liverus al ni pli bonan rezultaton aŭ nin alproksimigus al ĝusta solvo de la problemo, kaj ankaŭ se ni supozus la eblecon formi la vorton perfektan, tre bone esprimantan ĉiujn ecojn de nia kutima „lernejo", ĝi estus tre verŝajne tiel kruela kaj terura kunmetaĵo, ke ĝi certe ne povus havigi al si la simpation de multaj samideanoj. La samajn pripensojn oni povus ankaŭ fari rilate al ceteraj vortoj finiĝantaj per -ejo, -ilo, -aro, k. t. p. Sed ĉiu sufiĉe instruita Esperantisto tuj vidos, ke per tiaj nekonkludaj sofismoj oni certe ne atingos la celon de plibonigo aŭ plibeligo de la lingvo.

Mi ne scius fari ion pli bonan ol tie ĉi rememorigi la vortojn de D-ro Zamenhof: „Ne sole en naturaj lingvoj, sed ankaŭ en lingvo artefarita ĉio, kio estas uzata de la plimulto de bonaj verkistoj, devas esti rigardata kiel bona, se ĝi eĉ ne estas absolute logika; ĉar se ni postulus ĉiam nur logikon *absolutan*, tiam la libera uzado de lingvo artefarita fariĝus tute neebla, ĉar tiam malaperos ĉiu utileco de longa ekzerciĝado kaj en la deka jaro de uzado de la lingvo, kiel en la unua jaro, ĉiu devus konstante tro longe pripensadi kaj pesadi ĉiun sian vorton." (Lingvaj Respondoj, 3, paĝ. 7.)[1]

Unu el la ĉefaj faktoroj por efika propagandado de nia lingvo estas la posedo de literaturo, por kiu ajn facile komprenebla; tial niaj libroj devas esti tiamaniere verkataj, ke ili fervorigu anstataŭ ol malkuraĝigu la komencantojn.

Ĝenerale oni aŭdas en propagandaj paroladoj, ke Esperanto estas lingvo tre facila, lernebla en la daŭro de nur malmultaj semajnoj aŭ monatoj. Ŝajnas ankaŭ kompreneble, ke ĉiu nova adepto post kelksemajna studado opinios, ke li povas senpere kompreni la plimulton el la verkoj de nia literaturo, dum kutime tiurilata provo donas preskaŭ ĉiam tute malajn rezultatojn. Kaj tio ĉi ne dependas tute de la ne ankoraŭ sufiĉe progresinta kono de la lingvo, sed grandparte ankaŭ certe de la malfacila stilo de kelkaj verkistoj. Tio estas unu el la plej gravaj kaŭzoj, kiuj forigas el niaj vicoj tiom grandan nombron da jus eklernintaj samideanoj.

Esperanto estas efektive lingvo tre facila, sed nur por tiu, kiu ĝin scipovas uzi konforme al la intencoj de la Majstro; kiu kontraŭe volas kaj tentas tute eluzi ĝian artefaritecon, igas ĝin relative malfacila kaj konfuza.

Aliflanke la ideo, ke troigata uzo de afiksoj kaj novaj vortoj pliriĉigos la lingvon kaj favoros l' esprimon de l' plej delikataj nuancoj de la penso, estas ankaŭ tute erara. La facile komprenebla kaj belsona lingvo de la Zamenhofaj skribaĵoj pruvas ankaŭ al nekreduloj ĉe ĉiu paĝo la malon.[2]

---

[1] Preskaŭ la saman ideon esprimis ankaŭ D-ro Kabe en sia parolado ĉe la unua Esp. Kongreso de Boulogne-sur-Mer dirante: „. . . la diversnaciaj aŭtoroj uzas tre ofte idiotismojn de siaj idiomoj, kio iafoje faras nekompreneblaj frazojn de iliaj artikoloj. Mi esperu, ke baldaŭ ĉiuj aŭtoroj komprenos, ke ne sufiĉas skribi Esperante, sed oni devas skribi internacie — egale kompreneble kaj facile kompreneble por ĉiuj nacioj."

Kaj nia mortinta Majstro skribas: „La vera stilo Esperanta estas nek slava, nek germana, nek romana, ĝi estas — aŭ almenaŭ devas esti — nur stilo simpla kaj logika." (Lingvaj Respondoj 1, paĝ. 5.)

[1] Cetere ne nur unufoje D-ro Zamenhof insistis pri la graveco de tiu ĉi postulato de lingvo internacia, sed ripetite li esprimis tiun opinion en siaj „Lingvaj Respondoj". Tiel li skribas en dirita verko, Resp. 1, paĝ. 6: „. . . lingvo absolute logika kaj tute sen idiotismoj estus lingvo senviva kaj tro peza"; kaj pli sube en Resp. 11, paĝ. 10, li diris, ke „. . . ni ne devas peni, ke nia lingvo estu tro preciza, ĉar tiam ni nin mem nur katenus kaj ofte, por esprimi plej simplan ideon, ni devus uzi vorton deksilaban."

[2] Th. Cart observas en „Esperanto" de 20 januaro 1914: „. . . La lingvo devas kreski kaj pliriĉiĝi nur laŭbezone, per la uzado, per la verkoj de la aŭtoroj. Ĉiu alia metodo estus kontraŭnatura: per tro rapida ofte tute arbitra kaj kaprica pliriĉigo ĝi baldaŭ renversus la firman komunan bazon kaj mortigus la lingvon."

Mi estas konvinkita, ke multaj ne konsentos pri miaj ideoj; sed ĉiuj devos konsenti, ke Esperanta verkisto en la intereso mem de nia granda movado, devus ĉiam havi antaŭ l' okuloj la noblan celon, por kiu Esperanto estis kreata, t. e. por servi kiel helplingvo al ĉiuj popoloj de l' terglobo. Sekve ankaŭ ĝiaj verkoj devas esti tiamaniere skribitaj, ke ili povu esti ankaŭ universe komprenataj. Kontraŭe ni trovas tre ofte verkistojn, kiuj ĉu pro manio de originaleco, ĉu pro deziro konigi sian lingvan scipovon, trouzas la grandan fleksebleeon de nia lingvo, ne vidante, ke ili per tio ne atingas la esperitan sukceson, ĉar iliaj verkajoj ne povas kaŝi la penon, per kiu ili estis kunmetataj.

La plej belaj kaj harmoniaj skribaĵoj estas samtempe ankaŭ la plej facilaj[1] Mi nomas nur la verkaron de D-ro Zamenhof, kiu tiurilate estas vera trezoro por ni kaj neelĉerpebla fonto de stilo, por kiu ajn deziras bone kaj facile lerni la lingvon.[1]

Ne estas malfacile, post tio, kion mi ĝis nun diris, diveni la sekvojn de tiu malagrabla fenomeno.

La komencanto, kiu post kelktempa studado deziregas konatiĝi pli proksime kun la vasta Esperanta literaturo, ricevante en siajn manojn verkon de aŭtoro malfacila, malkuraĝiĝas; kaj se tio okazos al li ripetite, li fine certe formetos la tutan studon, konsolante sin, ke ne estas inde malŝpari la tempon por lerno de lingvo „malfacila kaj eble ne sukcesonta", kiel li pensas.

La lingvo mem, komprenéble, nur malutilon suferas.

Fariĝante tro artefarita, la parolo plu ne estas fluanta, dolĉa, harmonia kiel la kuro de kvieta rivero, sed ĝi similas la marteladon de maŝinaro, kaj la angulaj rompitaj sonoj interalie sin sekvas ofendante la orelon.

* *

Post la fino de l' terura mondmilito, en kiu ajn fako ni troviĝas antaŭ malfacilaj problemoj de rekonstruado; kaj ankaŭ se Esperanto ne estis komplete detruita de la milito, tamen ĝi bezonas potencan fortigon kaj kunan organizitan laboradon de ĉiuj samideanoj, konsciaj pri iliaj devoj kaj ne deflankiĝantaj de l' rekta vojo.

Oni devas nun jeti la fundamenton de tiu konstruaĵo, sur kiu sin bazos nia tuta propagando de la venontaj jardekoj. Sed ni ne forgesu, ke unu el la ĉefaj ŝtonoj de tiu konstruaĵo estas nia literatura produktado. Kaj estas devo de ĉiu bona Esperantisto kaj vera disĉiplo de nia Majstro laŭforte klopodi, por ke nia verkaro enhavu nur librojn indajn je Zamenhof.

Ĉiu samideano devus konscii, ke Esperanto ne estas ludilo por amuziĝi kaj pasigi al si plej bone la tempon, sed unu el la plej povaj armiloj por atingi la interpopolan kunfratiĝon. La armiloj tamen nur tiam bone funkcias, kiam ili estas ankaŭ bone purigataj: ni gardu do zorge nian lingvon kontraŭ ĉia malpurigo kaj konservu fidele la heredaĵon de la neforgesebla Zamenhof.

Tiurilate povas ankaŭ efike kunhelpi la samideanoj prizorgantaj en la revuoj la recenzojn de nove aperintaj verkoj. Kiel jam nun ofte okazas, ili daŭrigu senpartie kritiki la librojn, kies stilo ne estas tute konforma al ĝenerala principo de facila komprenebleco por ĉiuj popoloj. Nur tiam ankaŭ la aŭtoroj rekonsciiĝos kaj en venontaj eldonaĵoj certe klopodos rebonigi la antaŭajn erarojn. Kaj ankaŭ la klubaj bibliotekistoj bone faros, pruntedonante al la grupanoj nur verkojn konformajn al la stato de iliaj Esperantlingvaj progresoj.

Oni povus kredi el miaj vortoj, ke mi estas kontraŭulo de ĉia lingva evoluado: mi tamen observas, ke en la tuta artikolo nenio estas entenata kontraŭ laŭnatura disvolviĝo de Esperanto, kaj mi uzis miajn vortojn ekskluzive por kritiki la trouzon precipe de la afiksoj, la vere plej genia parto de la Zamenhofa gramatiko.

Tre klare difini la limojn de fleksebleco de nia lingvo, kiujn la aŭtoro ne devas preterpaŝi, estas preskaŭ tasko neebla. Tie ĉi povus helpi nur la sagaceco de la verkisto kaj la ekzemploj de la jam famekonataj Esperantaj stilistoj.

Tamen, se oni povas doni konsilon en tiu rilato, mi ripetas al ĉiu la verson de la latina poeto Ovidio:

*... medio tutissimus ibis.*[1]

*F. Glaser.*

[1] Bulonja Deklaro, art. 4: „Sed pro plena unueco de la lingvo al ĉiuj Esperantistoj estas rekomendata imitadi kiel eble plej multe tiun stilon, kiu troviĝas en la verkoj de la kreinto de Esperanto, kiu la plej multe laboris por kaj en Esperanto kaj la plej bone konas ĝian spiriton.

[1] En la mezo plej certe vi iros.

# Inter ni

*Niaj Nederlandaj samideanoj prenis sur sin grandan respondecon. La dek-dua kongreso okazos en Hago komence de aŭgusto proksima. Ni devas ĉion fari por ilin helpi laŭ tuta forto. Estas tre eble, ke tiel frue post fino de milito nur kvar- aŭ kvincent kongresanoj povos partopreni. Speciale la monŝanĝo malfaciligos la taskon de niaj orientaj amikoj. Tamen estas nepre necese, ke ni faru decidan sukcesaĵon el tiu rekomenco de nia publika vivado internacia.*

*Jam de nun ĉiuj niaj grupoj kaj societoj devas reklami kaj pripensi tre serioze tiun aferon. Se la elspezo estas tro granda por unu persono, tiam ĉiuj grupanoj aranĝu inter si por delegi unu membron, pagante parton de lia vojaĝkosto. De longe tia metodo estas uzata en aliaj movadoj. Al nova tempo, novaj rimedoj. Ni nun faru, kion ceteraj faris antaŭ ni.*

*Ne nur laŭ propaganda vidpunkto, sed ankaŭ por internaj zorgoj la kongreso en Hago estos tre grava. Tial ni estus vere kulpaj, se ni ne oferus ĉion eblan por veturi mem aŭ por veturigi kolegon. Necese estas, ke ĉiuj kondukantoj de la movado retroviĝu kun la ĝenerala Esperantista mondo kaj iom detale priparolu la daŭrigon de nia denove rapidiĝanta progresado. Ĝis somero la kroniko diverslanda ja montros pli kaj pli tiun kuraĝigan neceson.*

* * *

*En novembra numero mi citis la statuton de UEA por rememorigi, ke ĝi ne estas simple societo por praktika uzado, sed ke ĝi havas pli altan kaj pli precizan idealon. „Kelkaj Esperantistoj havis la bonan ideon, fari per vojo privata tion, kion oficiale fari ni ne povis. Ili kunigis ne ĉiujn Esperantistojn, sed nur tiujn personojn, kiuj konsideras ne nur Esperanton en ĝia ekstera lingva formo, sed ankaŭ ĝian internan ideon ... Oni ĉie komprenas, ke UEA liveras taŭgan neŭtralan fundamenton por ĉiuj interhomaj rilatoj kaj servoj, kaj el tiu ĉi reciproka sinhelpado rezultos pli da amikeco kaj estimo inter la gentoj kaj foriĝos la baroj, kiuj malhelpas ilian pacan interkomunikiĝon. En tiu ĉi principo kuŝas la ĉefa graveco de tiu asocio."*

*Tiuj vortoj ŝajnas al mi tre klaraj. Ili estu nia daŭra programo. La homo, kiu diris ilin, lasis al ni urĝan devon kaj impresan vokon. Li parolis tion ĉe la dua ĝenerala kunveno de UEA en Barcelono 1909 kaj akceptis la honoran prezidon de nia asocio. Vi jam rekonis mem la stilon de nia amata Majstro Zamenhof.*

*Estas nun la tempo konstrui novan homaron super la neŭtrala fundamento, kiun genia pensulo postlasis al ni. Taŭga kaj tuja rimedo estas la disvastiĝo de UEA kaj dekobliĝo de ĝia anaro. Forta internacia societo kun tia celo kaj tia konstanta interhelpado povas ludi gravan rolon en la mondo, kutimigante la homojn je malŝovinista vivado. Ĝi penetrigas pli profunde la influon de Esperantismo kaj helpas realigi la plej fortan deziron de ĝia iniciatinto. En tio, same kiel en aliaj aferoj, Zamenhof montriĝis saĝa profeto, kaj lia voko laŭte sonas en niaj koroj. Ni nun agu senprokraste.*

**Edmond Privat.**



# XIIa UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Hago, 8—15 aŭgusto 1920**

*Dua komuniko*

**Kongressemajno.** — La loka komitato, ricevinte multajn plendojn pri la maloportuneco de la unue elektita semajno (unua semajno de septembro), pro kio multaj samideanoj el la publika instrua mondo ne povus partopreni en la kongreso, decidis ŝanĝi la datojn en 8—15 aŭgusto. Ĝi ne decidis tion facilanime, ĉar la laboroj de la enloĝiga komisiono fariĝos multe pli pezaj, pro tio, ke en julio kaj aŭgusto, la vakanco-monatoj, Hago enloĝigas multajn gastojn.

**Kongresejo.** — Mi ĵus ricevis la ĝojigan komunikon de la koncernata ministro, ke li cedos al ni, por la grandaj kongreskunvenoj, la plej malnovan kaj historian salonegon el Hago, nome la „Ridderzaal" (Salonego de l' Kavaliroj), sub kelkaj plenumotaj kondiĉoj. Precipe de niaj eksterlandaj amikoj venis la instigo klopodi akiri la Pacpalacon, se ne tiam la Salonegon de l' Kavaliroj. Ĉar la estraro de la Carnegie-fondaĵo, kiu administras la Pacpalacon, ne cedas la palacon por aliaj celoj ol por la oficialaj packongresoj, tuta nia espero estis je la Salonego de l' Kavaliroj.

**Honora Komitato.** — Ĝis nun ni sukcesis varbi por nia honora komitato la jenajn konatajn personojn:

S-ino *S. van Rees-Broese van Groenou.*

S-ino *E. J. Wijnaendts Francken-Dijserinck.*

S-ro Mr. *J. Patijn*, urbestro, kiu fariĝos honora prezidanto.

S-ro Mr. Mr. *J. B. Bomans*, Roman-katolika parlamentano, skabeno en Haarlem.

S-ro *W. K. Brevet*, direktoro de la Residentiebank.

S-ro Prof. D-ro *D. van Embden*, liberaldemokrata senatano, prof. de sociologio kaj statistiko ĉe la Amsterdama Universitato.

S-ro D-ro *H. E. van Gelder*, urba arkivestro.

S-ro Prof. D-ro *A. F. Holleman*, profesoro de kemio ĉe la Universitato de Amsterdam.

S-ro *H. van Kol*, socialdemokrata senatano.

S-ro *H. Koppel Jr.*, eks-prezidanto de la Haga Komerca Ĉambro.

S-ro *H. Ch. G. J. van der Mandere*, pacifista ĵurnalisto kaj literaturisto.

S-ro *F. J. van Paasschen*, direktoro-ĉefredaktoro de la ĉiutaga gazeto „De Avondpost".

S-ro D-ro *F. E. Posthuma*, eks-ministro de agrikulturo, industrio kaj komerco, direktoro de la mutuala koopera labordonantosocieto „Centraal Beheer".

S-ro Mr. D-ro *H. J. Romeijn*, eks-skabeno.

S-ro D-ro *J. Schoemaker*, kirurgo ĉe la Urba Malsanulejo.

S-ro Mr. *J. M. van Stipriaan Luiscius*, advokato kaj prokuroro, aŭtoro de „Karaktero".

S-ro *Nico van Suchtelen*, verkisto.

S-ro *Justus Tal*, superrabeno en Utrecht.

**Financoj.** — Kompreneble la tempo inter la apero de la unua kongreskomuniko kaj la forsendo de la dua estis tro mallonga por povi esperi gravajn rezultojn. Kelkaj Nederlandaj samideanoj jam sendis siajn kotizojn, faris mondonacojn aŭ enskribis por la garantia fundo (enskriboj akceptataj po 25 guldenoj).

Mi esperas, ke la eksterlandaj samideanoj komencos de nun sendi siajn kotizojn, event. mondonacojn, kun klarigoj al la Residentiebank. Enskriboj por la garantia fundo adresotaj nur al la sekretario-kasisto.

La kongressekretario,
*J. L. Bruijn.*

# KRONIKO

Ni petas ĉiun propagandiston, ke li mem senpere kaj rapide informu nin pri sia agado. Oni sendu klarajn, koncizajn raportojn kun rimarko „Kroniko" al nia Centra Oficejo, Museumsstrasse 14, Bern.

Mallongigoj uzataj: *Esp.* = Esperanto; *Esp-isto* = Esperantisto; *L. I.* = lingvo internacia; *prez.* = prezidanto; *vicprez.* = vicprezidanto; *sekr.* = sekretario; *kas.* = kasisto; *rev.* = revizoro; *bibl.* = bibliotekisto; *l.* = lernanto; *m.* = membro; *p.* = persono.

## Aŭstrio.

*Innsbruck:* Ĉiusemajnaj grupkunsidoj. — *Krems a. D.:* Kurso de S-ro P. Meŝtan havis bonajn sekvojn. — *Wien:* Tri grupoj kun regulaj kunsidoj. Krome: 1 grupo Bohema, 1 grupo de muzikamantoj. Esp. hejmo Danubio. Nova gazeto: „Nova tempo".

## Belgio.

*Anderlecht:* Socialista grupo regule kunvenas. — *Antwerpen:* Parolo en normala lernejo. — *Brugge:* Kurso de S-ro Dervaux. — *Gent:* Festo: deklamoj, muzikaĵoj, teatraĵeto. Ĉiusemajnaj grupkunvenoj. Parolo de F-ino A. Colyn.

## Britio.

*Bedlington:* Kurso de S-ro G. H. Gibson, 9 p. — *Bournville:* Nova grupo. — *Bristol:* 2 kursoj de S-ro Carr. Parolo de F-ino Giles. — *Colne:* Ĉefkunsido de la „Lancashire and Cheshire Federation". — *Droitwich:* La grupo aliĝis al B. E. A. — *Edinburgh:* Parolo de S-ro W. E. Clayton. Koncerto, legadoj. Monataj diservoj. Gazetartikoloj. — *Glasgow:* Kurso de S-ro de Montoro, 30 p. Propagando ĉe la „Internacia Ligo de Virinoj". Esp. balo. 20,000 propagand-folietoj disdonataj okaze de ekspozicio. — *Hastings:* Parolo de S-ro G. Barton Kent. — *Leith:* 2 kursoj de F-ino J. Baird. — *Liverpool:* Parolo de S-ro Applebaum. Kurso sekvis. — *London:* Granda kunveno kaj koncerto kun priesperantaj paroloj. — *Sheffield:* Parolo de S-ro J. Merchant. Kurso de S-ro R. Harward. — *Willesden:* Grupo reorganiziĝis. — *Worcester:* Nova grupo de junuloj. Kurso de S-ro H. C. Davis.

## Bulgario.

*Gorna-Orehovica:* Grupo reorganizita. Kurso de S-ro Belmustakov, 45 p. — *Panagjurište:* Grupo de lernantoj fondita. — *Plovdiv:* Fondiĝis grupo. 2 kursoj (de S-roj Marav kaj Radkov). — *Stolat:* Kurso de S-ro Sabev en popola lernejo. — *Vidin:* Nova kurso de S-ro Lazarov.

## Ĉeĥoslovakio.

*Brüx:* Kurso de S-ro Prof. Murath. — *Dondlevce:* Dusemajnan Esp. ekspozicion vizitis 5982 pagantaj personoj. — *Gablonz:* Grupa ĉefkunveno. 2 kursoj (de S-roj Röhlich kaj Merganz). — *Holešov:* Serioza movado. Esp. instruata en du lernejoj (en unu el ili devige) de S-roj J. Krumpholc kaj K. Loveček. — *Hradec Kralóvé:* Movado prosperas. Propagando inter soldatoj (S-ro Adamek). Kurso, 56 p. Ĉiusemajnaj grupkunsidoj. — *Kaaden:* Parolo de S-ro Kittel, 350 p. Kurso, 50 p. — *Leitmeritz:* Paroloj de S-ro Inĝ. Scholze, 5 kursoj. Grupo reviviĝis. — *Osek apud Rokysany:* Kurso de S-ro A. Strnad, 20 p. — *Plzeň:* Kurso de S-ro J. Pech, 30 p. — *Plzenec:* S-ro F. Chaloupka propagandas. Kurso de S-ro J. Pech. — *Praha:* La grupoj kunvenas ĉiusemajne. Diversaj kursoj. Gazetartikoloj de F-inoj Šupichová kaj Dandová. „Rondeto de Esp-istinoj" vigle propagandas per broŝuretoj kaj afiŝoj. — *Reichenberg:* Grupa ĉefkunveno. — *Ružomberok:* Kurso de S-ro V. Tuček, 50 p.

## Danio.

*Kopenhago:* Esperanto-Unuiĝo de Danaj Instruistoj klopodas, oficialigi Esp. en la popolaj lernejoj.

## Estonio.

*Reval (Tallinn):* Kurso de S-ro W. Waher kaj F-ino H. Dresen, 25 p.

## Francio.

*Grenoble:* Parolo de S-ro Caillet. Grava kunsido de geinstruistoj voĉdonis proponon oficialigi Esp. en la lernejoj. — *Lyon:* Grupo restariĝis. Ĉiusemajnaj kunvenoj. — *Marseille:* Nova grupo. Kurso de S-ro Maurin. — *Nice:* Grupo reorganiziĝis. — *Paris:* Fondiĝis nova „Centra Esp. Librejo" (sidejo: 51, rue de Clichy), anonima societo kun variebla kapitalo. Ĝi reaĉetos la stokon de Esp. libroj de la firmo Hachette kun la kliŝajoj kaj la eldonrajto. Multaj libroj estas baldaŭ reeldonotaj, t. a. verkoj de Zamenhof kaj lernolibroj por Francoj.

## Germanio.

*Augsburg:* Kurso de S-ro Adam. — *Bitterfeld:* Laborista grupo refondita. — *Bonn:* Parolo de S-ro K. Haefeker. — *Breslau:* Dutaga kongreso de Germanaj katolikoj. Esp. diservo: prediko de S-ro preposto Beiker, ĉefmeso kun Esp. kantoj. Solena fondokunveno de „Germana Ligo de Katolikaj Esp-istoj". Kurso de S-ro M. Mielert. *Chemnitz:* 9—27 oktobro, Esp.-ekspozicio. Sukcesa malferma festo. Serio de 10 paroloj; 1400 p. vizitis. Esp.-lernejo fondita. Kursoj. Multaj novaj adeptoj. — *Danzig:* Propagand-vespero. Parolo de S-ro Friedrich. Kurso de F-ino Tuschinski. — *Dresden:* Societa ĉefkunveno: parolo de S-ro K. Beck. — *Eisenach:* Festo, 400 p., finance kaj propagande tre sukcesa. — *Eisleben:* Tre sukcesa parolo de S-ro Mally. Kurso, 49 p. — *Euskirchen:* Kurso de S-ro Ĥimoviĉ. — *Forst:* Kurso. — *Frankfurt a. M.:* Propagand-paroloj. Kurso. S-ro Kreuz parolis ĉe stenografoj. — *Freiburg i. B.:* Nova grupo, kurso. Propagandaj gazetartikoloj kaj afiŝoj. — *Hamburg:* Ĉiuj grupoj de Grand' Hamburg kaj Altona kunfandiĝis. Parolo de S-ro Prof. Koeppen. — *München:* Parolo de S-ro D-ro Vogt, proksimume 300 p. Ekspozicio. 2 kursoj.

## Hispanio.

*Huesca:* Parolo de S-ro J. Mangada, 300 p., oficialaj rondoj interesiĝis, 3 kursoj ĉe Normala Lernejo por instruistoj.

## Hungario.

*Budapest:* Esp. literaturaj vesperoj, riĉa programo, 50—100 p. Fondiĝis „Hungara Eldona Societo de Esp." — *Szeged:* Vigla grupo. Propagand-paroloj.

## Italio.

Italio, kie nia movado antaŭe ne havis profundajn radikojn, nun prezentas ĝojigan aspekton: en multaj lokoj kreskas kaj floras novaj grupoj, dank' ĉefe al klopodoj de la socialistoj. En la nova Itala Parlamento sidas 22 deputitoj favoraj al Esp. La gazeto „Itala Esperantisto" ŝanĝis la nomon, kaj aperas nun kiel „Esperanto Itala Revuo" en Milano. — *Casalbuttano:* Grupo reorganizita. — *Genova:* Ĉiusemajnaj grupkunsidoj. Gazetartikoloj. Sidejo de la „Centra Aga Komitato" de la Itala Esp.-Federacio. — *Milano:* Forta movado. Kursoj (unu oficiala por geinstruistoj, de S-ro Prof. G. Lupi). La urbestraro monsubtenas. Esp.-eldonejo. En Milano okazos printempe la V^a kongreso de Italaj Esp-istoj. — *Palermo:* Gazetartikoloj. Nova grupo. Kurso, 60 p. — *Pisa:* Forta grupo (100 membroj), Esp. hejmo, grupa interna bulteno, kursoj. — *Terni:* Kurso, nova grupo. — *Torino:* Nova agado. — *Verona:* Parolo de S-ro Vaona. — *Bari, Bologna, Napoli, Padova, Potenza:* Kursoj, paroloj. — Samideanoj fervore laboras en: *Canicatti, Menfi, Piacenza, Sampierdarena, Sassari, Trieste.*

## Nederlando.

*Amsterdam:* Propagand-vespero kun ekspozicio. Kurso. — *Hago:* Esp. Ekspozicio. Parolo de S-ro Crop. Kurso. Jubile-festo de „Ĉiam Antaŭen". — *Utrecht:* Grupo revekiĝis. 2 kursoj.

## Svedio.

*Enköping:* Kurso de S-ro A. K. Örn, 14 p.

## Svisio.

*Bellinzona* kaj *Chiasso:* Kursoj en la popoldomoj. — *Bern:* Sukcesa Zamenhof-vespero: parolo de S-ro Privat, teatraĵeto, muzikaĵoj, deklamoj. — *Dietikon:* Kurso de F-ino Meyer. — *Genève:* En „Tribune de Genève" artikolo de S-ro H. Hodler pri lastaj progresoj de Esp. — *Lausanne:* Kurso de S-ro Privat, nova grupo socialista, festo. — *Le Locle:* Propagando ĉe junaj socialistoj. — *Locarno:* Kurso, aliaj aranĝataj. — *Lugano:* Artikoloj en loka gazeto. *Zürich:* Paroloj de S-roj Uhlmann kaj Jost. Ĉiusemajnaj grupkunsidoj. 2 kursoj.

## Ĉinio.

*Peking:* Nova grupo. Kurso ĉe la universitato, pli ol 100 studentoj.

## Siberio.

*Omsk:* Vigla grupa vivo. Esp-istaj militkaptitoj. Kurso, 45 p.

# DIVERSAĴOJ

∴ **La naskiĝodomo de Doktoro Zamenhof.** — S-ro J. Ŝapiro, Del. de UEA en Bialystok, komunikis al ni la jenan interesan informon: „Bialystokaj samideanoj fine sukcesis konstati, en kiu domo naskiĝis la Majstro. Tio estas la domo, je angulo de Zamenhofa (antaŭe Zielonaja) kaj Brudna stratoj. Malgranda, duetaĝa ligna konstruaĵo estas nun, laŭ la rakontoj de ĝia posedanto, la 75-jara maljunulo Cieĥanovski, en la sama stato, kiel en la tago de la naskiĝo de la Majstro. Kovrita ligna ŝtuparo-koridoro kondukas de la korto je la supran etaĝon en la iaman loĝejon de la gepatroj de l'Majstro. La loĝejo mem konsistas el tri malgrandaj, malaltaj ĉambroj.

„Rigardante la malgrandan ĉambron, en kiu naskiĝis D-ro L. L. Zamenhof, oni kun malĝojo pensas, en kiuj pli ol modestaj kondiĉoj la Majstro travivis sian infanecon, kaj oni povas apenaŭ kredi, ke en tiu malriĉa kabano unuafoje ekvidis la lumon de l'suno tiu, kiun oni poste akceptis ĉie kun reĝaj honoroj kaj kiu fariĝis gvidanto de tutmonda movado. La Bialystokaj samideanoj nun intencas meti sur la muron de tiu domo marmoran tabulon kun surskribo, rememoriganta al ĉiu la historian signifon de tiu domo, same modesta kiel estis la Majstro dum sia tuta vivo." — *J. Ŝ.*

∴ **Esperanto kaj homhelpado.** — Nia Angla samideano J. Bredall sendis al la Brita Esperantistaro alvokon pri helpado al la Vienaj samideanoj dum la nuna krizo. „Laŭ la ĵurnaloj kaj privataj leteroj," oni legas en la alvoko, „ekzistas granda mizero en Vieno pro manko de manĝaĵoj, karbo, lakto, k. t. p. La virinoj kaj infanoj terure suferas, kaj infanoj mortadas pro malvarmeco kaj manko de lakto. Ŝajnas al mi, ke la Esperantistaro de la tuta mondo, kiel vera frataro, kaj Ligo de Nacioj povas helpi la Vienan Esperantistaron per la sendo ĉiusemajne kaj ĉiumonate de paketoj da manĝaĵoj . . ." Estas rekomendate sendi lakton (aŭ sekigitan aŭ en skatolo), biskvitojn, farunaĵojn, k. t. p. Ni kore aliĝas al la iniciato de nia Brita samideano kaj esperas, ke ĉiulandaj Esperantistoj bonvolos laŭeble helpi al niaj Vienaj kunbatalantoj dum tiu por ili tiel malfacila periodo.

Oni povas sendi la pakaĵojn al D-ro Ed. Sós, Del. de UEA, Lerchenfeldstr. 178, Wien VIII; S-ro Hugo Steinhauer, Vicdel. de UEA, Valeriestr. 8, Wien II; A. Deistler, Schottenfeldstr. 91, Wien VII; D-ro Ard. Popolan, red. „La Esperantisto", Postfach 34, Wien II.

∴ **Esperanto kaj kongresoj.** — Dum grava, antaŭ kelkaj semajnoj en Madrid okazinta kongreso de la Hispana „Nacia Konfederacio de la Laboro", oni faris kaj aprobis la laŭsence tradukitan jenan proponon: „La komitato vidas grandan necesecon, ke Esperanto fariĝu komuna lingvo por la rilatoj kaj internaciaj kongresoj de laboristoj. Tial estas rekomendinde aranĝi en ĉiuj racionalistaj lernejoj jam ekzistantaj aŭ ankoraŭ fondotaj unu klason de Esperanto, apogi morale kaj materie ĉiujn Esp. grupojn, kies celadoj estas similaj al tiuj de la laboristoj, kaj fine atentigi la laboristaron pri la indeco senprokraste lerni Esperanton." — Laŭ „España Nueva".

# TRA LA LIBRARO

**Esperanta Legolibro.** *Vilho Setälä*. Dua eldono. Eldona Akcia Societo Otava, Helsingfors, Finnlando. 112 paĝoj, 14×21 cm. Prezo: 5 Finnaj Markoj.

Tiu lernolibro, unue verkita por servi, paralele kun klariga vortaro de la sama aŭtoro, al instruado de nia lingvo en Finnlando, montriĝis, pro sia nur Esperanta kaj bone elektita enhavo, taŭga por tia instruo en ĉiuj landoj. Ni do ne miru, se 3000 ekzempleroj de la unua eldono elvendiĝis kaj se dua zorge korektita aperis. La verko meritas tiun disvastiĝon. Ĝi konsistas el 79 ĝuste gradigitaj legaĵoj, pli malpli ampleksaj, parte originale verkitaj laŭ instrua celo, ĝenerale elektitaj inter la verkoj de niaj plej bonaj aŭtoroj. S-ro Setälä sukcesis, per enmeto de anekdotoj, proverboj, poezietoj, daŭre elveki intereson, kaj per aro da tekstoj specialaj pri la lingvo mem, ĝia aŭtoro, ĝia historio, ĝia propagando, ĝia literaturo kaj ĝiaj utiloj, instrui ne nur Esperanton, sed samtempe Esperantismon, montri la perfektecon de nia lingvo kaj ankaŭ la idealan flankon de nia movado. Tiu fakto, krom la aliaj kvalitoj de l' kolekto, sufiĉas por laŭdi legolibron, ĉial rekomendindan, kiu baldaŭ fariĝos unu el niaj plej ŝatataj instruiloj kaj antologioj.

**Fraŭlino Suzano.** Novelo. *V. G. Avsejenko*. Esperantigita el Rusa lingvo de *P. Medem*. Ader & Borel. Dresden A. 64 paĝoj, 12×19 cm. Prezo: Mk. 1.50 + 30 %.

Agrabla legaĵo, nek valorega nek vulgara romaneto, interesa priskribo de vivo en soleca kolonio, kie juna orfino per propra volo altiĝas, kaj, kiel antaŭvidite, fine edziniĝas kun aminda inĝeniero. Taŭga distrilo por junulinoj, eĉ konsilinda pro la enhavata energileciono, kaj la moraleco de l' heroino, kies virto estas laŭmode rekompencata.

En kelkaj lokoj la traduko estas tro laŭvorta, aŭ laŭvortara; ekzemple: „La fenestro *eliris* rekte al kampo (havis vidon). Sur ĉio kuŝas *sigelo* de la zorgeme gardata freŝeco (signo). Kiel ŝi sin *elbatu* el sia malgrandeco (eltiru). Mi povus fari pli brilan *partion* (edziĝon).“ Nur kelkaj preseraretoj enŝoviĝis; ĉu tia estas la vorto „kutimita“ en: „La patrino ne estas *alkutimita* al ordo?“ Fine la vorto „*ekspliki*“ estas uzata sisteme anstataŭ la ĝis nun konata „klarigi“; mi ne eksplikis al mi kial.

**Batalo pri la domo Heikkilä.** *Johannes Linnankoski*. Finna Biblioteko Esperanta N-ro 1. Tradukis *Vilho Setälä*. Eldona Akcia Societo Otava, Helsingfors, Finnlando. 60 paĝoj, 13×19 cm. Prezo: ne montrita.

Unu el la plej ŝatindaj servoj, kiujn Esperanto jam nun havigas al siaj adeptoj, estas la legebleco de valoraj verkoj, ĝis nun malmulte konataj ekster ilia naskolando. La tradukinto diras, ke ĉi tiu verko, prezentata al la internacia publiko, bone montras ĉe la aŭtoro kontraston inter fortaj ideoj kaj virineca sentemo, ke ĝi estas unu el la perloj de l' Finna literaturo.

Leginte la verkon, oni devas konfesi, ke ĝi ne trompas la elvekitan esperon. Originalega, forte emociiga kaj postlasanta daŭrantan impreson estas la rakonto; ĝi iel memorigas pri iaj teruraj historioj de Poe aŭ de Maupassant, sed kun la sama angoreco, ĝi plie havas pli naturan, verecan karakteron. La lerta tradukinto estas inda je la verko kaj sukcesas montri la plej delikatajn nuancojn de l' animstatoj; la libro estas riĉa je maloftaj vortoj, el kiuj kelkaj estas klarigataj en aldona tabelo, rimedo tre bona; inter la nove proponataj, ŝajnas, ke „sledo“ (sledeto) por glitveturilo mane trenata estus bona. Kelkaj epitetoj estas iom strangaj, se ne malĝustaj; ekzemple: „draste kriegi (potence), absolvi kurson (viziti), korta plano (ebenaĵo, areo)“; verboj estas uzataj laŭ nekutima maniero: „li kredis sin vidi (li kredis vidi), ŝi restis stari (ŝi restis staranta)“; jenaj esprimoj estas preskaŭ nekompreneblaj: „La parokestro (komparu: paroĥo) klopis la parion de sia fiartabakujo. — Diabla rido fulguranta la mjelon.“

Tiuj maloftaj kritikeindaĵoj estas tuj pardonataj, ĉar S-ro Setälä vere pliornamis la kronon de nia ĉiulanda tradukaro per brila nova gemo.

**Kongresa libro.** Okaze de la *5a kongreso de Finnlandaj Esperantistoj* en Helsingfors, la 19—21 aprilo 1919. 48 paĝoj, 12×18 cm. Prezo: 3 M.

Jen estas la enhavo de tiu okaza libreto, kiu pruvas la viglecon de nia movado en Finnlando: Programo de l' kongreso. Raporto pri Esperanta movado en Finnlando dum lastaj tempoj. Plena nomaro de kursoj, societoj, delegitoj de UEA. Respondo de Lerneja Konsilantaro al petskribo pri enkonduko de Esperanto en lernejoj. Teksto por Diservo. Psalmoj. Kanto-tekstoj. Anoncoj.

En antaŭparolo, aludinte la morton de nia Majstro, S-ro Leo Jalava proponas, kiel solenan memoraĵon, novan luksan eldonon de la tutplena verkaro de D-ro Zamenhof kun biografio, verkota de iu malnova kaj sperta samideano. Atentinda, esplorinda kaj esperéble realigota propono.

**Où en est la question de la langue internationale.** Solution pratique. (Nuna stato de la demando pri internacia lingvo. Praktika solvo.) *E. Adam*. 30 paĝoj, 13×19 cm. Aĉetebla ĉe la aŭtoro: 24, Bd. Beaumarchais, Paris 11e. Prezo: Fr. 0.40.

Tiu Franclingva broŝuro estas nuntempa taŭga propagandilo; precipe interesaj estas la pruvoj pri la ĉiam pli urĝa neceseco de internacia lingvo, kaj la admonoj al la internaciaj socialistoj, ke ili tian oficiale elektu, kaj eĉ antaŭe ĝin multnombre lernadu.

La aŭtoro, pro senpartiemo, prezentas kiel egalvaloraj la sistemojn de Esperanto kaj Ido; pri la polemiko inter ambaŭ anaroj li citas la parolon de La Rochefoucauld: „La disputoj ne longe daŭrus, se nur unu partio malpravus.“

Ni ankaŭ ne bazas nian preferon sur ambicio, memamo, profitemo aŭ nesufiĉa studo; sed tute libere kaj konscie opinias, ke malgraŭ kelkaj diskutindaj punktoj, Esperanto estas tiel supera je Ido aŭ Esperantido (ĉiuj formoj aparte aŭ kune), precipe je elasteco, harmonio, reguleco kaj facileco, ke ĝi estas senkompare pli dezirinda, ĉefe por la ĉiulanda laboristaro.

**Der Ballast der Sprachen und das Esperanto,** von *Georg Ruseler*. (Weltsprachliche Flugschriften N-ro 2.) Verlag von Friedrich Ellersiek. Berlin S. 59. 16 paĝoj, 11×15 cm. Prezo: 20 pf.

Jena broŝureto Germanlingva estas ĉapitro eltirita el libro temanta pri diversaj naciaj kaj lernejaj reformoj. La aŭtoro estas ne agema Esperantisto sed verkisto, kiu aljuĝas grandan gravecon al la problemo de l' lingvo internacia precipe pro la nuntempaĵoj. Li finigas la antaŭparolon per tiu diro: Kiu volas Naciligon, tiu devige ankaŭ volas Esperanton.

La titolo koncize resumas la enhavon. Lernado de multaj mortintaj aŭ vivantaj lingvoj estas tradiciaĵo sed havas veran valoron nur por specialistoj: por la plej multo de l' junuloj, kvankam flanke utila, ĝi postulas tro da tempo. Certe baldaŭ, en la lernejoj, estos deviga nur lernado de nacia kaj de helpa lingvoj, ĉar Esperanto estas pli necesa por la homaro ol fervojoj, aŭtomobiloj, aviadiloj, telegrafo aŭ telefono.

Bonega kaj efika propagandilo por kleraj kaj pedagogiaj rondoj.

**Frazeologio — Proverbaro,** *Esperanta-Portugala*. El Proverbaro de D-ro Zamenhof kolektis *H. Couto Fernandez*, L. K. kaj Prez. de Brazila Ligo Esperantista. 2a kajero, 16 paĝoj, 11×15 cm.

Ĉi libreto enhavas centon da proverboj eltirataj el la Zamenhofa kolekto kun apudaj Portugalaj samsencaj sentencoj. Ĝi ebligos al Portugaloj konscii, kiel facile Esperanto tradukas naciajn aforismojn, kaj profiti la valoregan lingvan kaj stilan instruon eltireblan el la Proverbaro.

*G. S.*

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco de nacieco, raso aŭ lingvo. Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon de fremdaj popoloj. Disvastigi la uzadon de la lingvo Esperanto. Krei internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj kaj entreprenoj, kies interesoj celas trans la limoj de ilia gento aŭ lingva teritorio. — UEA kunigas ĉiujn samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron (aperos en printempo 1920).*

**Kotizajoj:** Membro: *5 Fr. Svisaj. (Belgio kaj Francio: 6 Fr. Britio: 4 sh. Germanio: 12 Mk. Hispanio: 5 Pes. Italio: 7 L. Nederlando: 2.50 Guld. Skandinavio: 3.50 Kr. Finnlando: 10 F. M. Aŭstrio kaj Hungario: 30 Kr. Ĉeĥoslovakio: 12 Kr. Polio: 12 Mk. Usono: 1 Doll.)*

Membro-Abonanto (*ricevas la gazeton*): *12.50 Fr. Svisaj. (Belgio kaj Francio: 15 Fr. Britio: 10 sh. Germanio: 30 Mk. Hispanio: 12.50 Pes. Italio: 17.50 L. Nederlando: 6.25 Guld. Skandinavio: 8.75 Kr. Finnlando: 25 F. M. Aŭstrio kaj Hungario: 75 Kr. Ĉeĥoslovakio: 30 Kr. Polio: 30 Mk. Usono: 2.50 Doll.*

Membro-Subtenanto (*ricevas la gazeton*): *25 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: duoble pli ol membro-abonanto.)*

Membro dumviva (*kun la gazeto*): *300 Fr. Svisaj.*

Esperantia Entrepreno (*komercaj firmoj, societoj, k. t. p.*): *12.50 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: same kiel membro-abonanto.) La Entreprenoj rajtas presigi 40-vortan anoncon en la Jarlibro.*

**Centra Oficejo:** *Museumsstrasse 14, Bern (Svisio). — Bankkonto: Handelsbank (Banque Commerciale), Bern. — Poŝtĉeko: III 2600.*

---

**Voĉdonado pri la novaj kotizajoj.** — Okazis je la 31 decembro 1919 la kontrolado de la voĉdoniloj el ekster Eŭropo. Oni trovis 89 kovertojn kun voĉdoniloj, el kiuj 1 estis senvalora.

La rezultato estas *Jes*: 85
*Ne*: 3

En unu koverto ni trovis bankbileton de 5 dolaroj. Ni kore dankas la afablan anoniman Delegiton.

Kunmetante la suprajn ciferojn kun tiuj el Eŭropo, publikigitaj en la novembra numero, la fina rezultato de la voĉdonado estas jena:

Forsenditaj voĉdoniloj: 553
Absoluta plimulto: 277
*Jes*: 369 — *Ne*: 11

**Al la Delegitoj.** — Ni tre petas ĉiujn Delegitojn, ke ili bonvolu kiel eble plej baldaŭ prizorgi la enkasigon de la kotizajoj konforme al la informoj donitaj en Oficiala Bulteno, N-ro 1. Ili ne forgesu atentigi la membrojn, ke ĉiu persono paginta la kotizaĵon antaŭ la 31 januaro rajtos senkoste presigi en la Jarlibro dudekvortan anoncon pri korespondo aŭ interŝanĝo. Ni ankaŭ rememorigas, ke la lasta templimo por la sendo de anoncoj kaj Entreprenaj anoncotekstoj por la Jarlibro estas la *31 januaro*. Oni do rapidu!

**Financaj informoj.** — Kelkaj personoj demandis — eble kun ŝerca intenco — ĉu oni povas pagi la kotizajojn laŭ la nacia prezo de alia lando ol tiu de sia propra. Tion ni kompreneble ne povas akcepti. Ĉiu devas pagi la kotizajojn laŭ la nacia prezo fiksita en la tabelo por sia lando aŭ laŭ la Svisa prezo, kies nuna kurzo estas, kun preskaŭ ĉiuj landoj, pli malfavora al niaj membroj ol tiu, kiun ni fiksis. Ekzemple, membro-abonanto loĝanta en Nederlando devas sendi al ni laŭ la tabelo 6,25 Guld. aŭ, se li preferas, 12. 50 Svisajn frankojn, sed li ne rajtas pagi per Francaj frankoj, Germanaj markoj, Aŭstriaj kronoj, k. t. p. Kiel ni jam diris en la Oficiala Bulteno, la naciaj prezoj ne ĝuste respondas al la oficialaj kurzoj, kiuj ĉiutage ŝanĝiĝas, nek al la rilatoj, kiuj ekzistas inter ili ĉe la borso. Tiel ni devis agi por ne peti en la landoj kun malalta kurzo sumon, kiu pro sia alteco forigus preskaŭ ĉiujn membrojn. Se ni volus postuli laŭ la nuna kurzo, Franca membro-abonanto devus pagi ĉ. 25 Francajn Fr., Germano 100 Mk. kaj Aŭstriano 250 Kr.! Tio estas neebla, ĉar la enlanda aĉetpovo de Franca franko, Germana marko, Aŭstria krono, k. t. p. ne malaltiĝis proporcie al la kurza malaltiĝo. Ni do devis fiksi prezon, kiu ne tro superas la pagokapablojn de niaj membroj. Por UEA la nuna stato de la kurzoj estas ekstreme malfavora. Oni bonvolu ne plimalfaciligi ĝin per komplikaĵoj aŭ per kombinaĵoj ruinigaj por ĝia malfeliĉa kaso.

**Jara raporto.** — Pro malsano de nia Direktoro kaj financa fakestro, la jara administra kaj financa raporto, kiu kutime aperas en la januara numero, devas esti prokrastata ĝis posta numero.

**Garantia Kapitalo.**

*Listo de garantiantoj* (Dua parto)

| | | Frankoj |
|---|---|---|
| | Antaŭa listo | 7625 |
| 62. | S-ino Henriet-Nolotte, Dijon | 125 |
| 63. | S-ro Doré, Troyes | 125 |
| 64. | S-ro Gabert, St-Etienne | 125 |
| 65. | S-ro Marseille, Paris | 125 |
| 66. | S-ro M. Bonnier, Lyon | 125 |
| 67. | S-ro Leroudier, Lyon | 125 |
| 68. | S-ro A. Sandelyon, Lyon | 125 |
| 69. | S-ro E. Cohendy, Lyon | 125 |
| | Frankoj | 8625 |

Kun tiu listo finiĝas la serio de garantiantoj promesintaj akiri ateston je 125 Fr., al kiuj ni fiksis la tempolimon 15 decembro por plenumo de ilia promeso. De nun ni akceptas nur garantiantojn je la nova prezo, t. e. 300 Fr., Svisa valoro.

Al la ĝisnunaj garantiantoj, kiuj do havas jam unu ateston je 125 Fr., ni volonte elvendos la restantajn atestojn de la ĝisnuna serio por la rabatprezo de 100 Fr., Svisa valoro.

**Subtenantaj membroj.**

*Unua listo:*

1. J. Lauras, Paris. — 2. E. Southwick, Pawtucket (Usono).

**Kotizaĵoj por 1920.** — Je la 30 novembro estis enkasigitaj 77 kotizaĵoj (el kiuj 40 membroj, 35 membroj-abonantoj kaj 2 subtenantoj). Krom tio estas 217 dumvivaj membroj. Sume: 294. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 16.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato novembro:

Ricevitaj: 624. — Forsenditaj: 1321. — Tuta sumo: 1945. (Antaŭa monato: 1787.)

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en la jenaj lokoj:

*Culemborg* (Nederlando). — D.: S-ro P. J. Soeters, instruisto, Slotstraat 161.
*Huesca* (Hispanio). — D.: S-ro Roberto Maraury, kuracisto kaj doganestro, 8, Santa Domingo.
*Kristianssand* (Norvegio) — D.: S-ro Alf. Christensen, bankoficisto, Poŝtĉeko II.
*La Chaux-de-Fonds* (Svisio). — D.: S-ro Jules Wolf, fabrikestro, 12, rue du Parc.
*Nemours* (Francio, Seine-et-Marne). — D.: S-ro Georges Delanoue, bankestro, 20, rue des Moulins.
*Ruse = Rustchuk* (Bulgario). — D.: S-ro Ilija Silvestriev, subkolonelo de la 5a pionira bataliono.
*San Diego* (Usono, Kalifornio). — D.: S-ro Arthur E. Skeats, ĥemiisto, 750, Eight Str.
*Sankt Ingbert* (Saarland). — D.: S-ro Ernst August Omlor, Rischbachstr. 16.
*Wiesbaden* (Germanio, Rheinland). — D.: S-ro Ludwig Istel, komercisto, Webergasse 16.

Ŝanĝoj:

*Accrington* (Anglio, Lancashire). — D: S-ro Edwin Roberts, oficisto, 1, Owen Str. — VD.: S-ro James Baron, 102, Manchester Road.
*London* (Anglio). — Ĉef-D.: S-ro Harry A. Epstein, c/o B. E. A., 17, Hart Str., W C 1.
*Rovereto* (Italio, Venezia Tridentina). — D.: S-ro D-ro Aless. Mondini, Corso V. E. III, Casa Canestrini I, p.

Adresŝanĝoj:

*Besançon* (Francio, Doubs). — D.: S-ro Raoul Brétillot, bankoficisto, 70, Grand'Rue.
*Yokohama* (Japanio). — D.: S-ro R. Hugo Dick, redaktoro de „The World Salesman", 76, Jamaŝitaĉo.

Provizore ne plu estas Delegitoj en jenaj lokoj: *Battambang* (Kamboĝo); *Beaune* (Francio); *Hirschfelde* (Germanio); *Kolomea* (Ukrajnio); *Toul* (Francio).



**Ĉu vi deziras, ke UEA vivu kaj prosperu? Se jes pagu kiel eble plej baldaŭ vian kotizajon kiel membro-abonanto. Se vi estas inter la favoritoj de l' sorto, aliĝu kiel membro-subtenanto aŭ kiel membro dumviva.**

**UEA bezonas VIN!**



# Esperantista Parolejo

## Esperanto por la blinduloj

Esperanta sekcio de la Brita Biblioteko por la blinduloj fondiĝis en 1909 kaj estis la elveno de privata pruntedona societo. Al viaj legantoj ne necesas priparoli la utilon de tia sekcio ĉe nacia porblindula biblioteko de iu ajn lando, kaj ni esperas, ke tia estas ja starigota almenaŭ en unu urbo de ĉiu lando.

Tamen, klare videble estas, ke la utilo de Esp. por la tutmonda blindularo multege grandiĝus se ni povus ankaŭ starigi *internacian* bibliotekon, funkciantan de unu jam konata centro, kia estas tiu ĉi.

Sed tiucele estas necesa pligrandigo de la ĉi-tiea sekcio, por ke ĝi iam meritu esti la nukleo de efektiva internacia biblioteko. Por atingi tiun celon mankas al ni:

1e Laborantoj, vidantaj kaj blindaj, volontaj kaj pagotaj, kaj ankaŭ spertuloj pri Esperanto kaj Brajlo;

2e mono;

3e pli malkara internacia poŝta tarifo por libroj kaj pakaĵoj por blinduloj.

Kompreneble mankas al ni mono por plenumi tian grandan entreprenon, kvankam ŝajnas al ni, ke, en la nuna momento, laboro — persona laboro — estas multe pli necesa. Tial ni dezirus starigi inter Esp-istoj tutmondaj, kaj je la memoro de la kara Majstro (kiu mem estis okulisto), societon de Zamenhofaj Brajlistoj, kies nura entrepreno — post lernado de la Brajlosistemo (kiu ne estas tre malfacila) — estos aŭ kopii jam Brajligitajn librojn, aŭ transskribi Brajlen unu el siaj nacilingvaj verkoj, kiu jam Esperantiĝis; oni ankaŭ celu plenumi po unu verko ĉiujare.

Tion farinte, ni pli rajtos pledi nian aferon pri malkarigo de Brajllibra tarifo ĉe la Internacia Poŝtkonferenco, kiam tiu ĉi okazos.

*Hilda E. Boord*,
Honora Sekretariino
de la Esperanta Sekcio de la Nacia Biblioteko por la Blinduloj,
18, Tufton Street, *London* S. W. I.

## Kion faras la Hungara Esperanto-Servo

La plej primitiva metodo uzi praktike Esperanton estas la ricevo kaj sendo de informoj. La Esperantistaro retkovras la mondon; el ĉiuj landoj, popoloj, urboj oni povas ricevi novaĵojn. Tion ĉi uzas la nun fondita Hungara Esperanto-Servo, kiu kolektas la interesajn informojn kulturajn, politikajn, sciencajn kaj aliajn el la tuta mondo kaj sendas ilin nacilingve al la Budapesta gazetaro. Jam kelkaj tiaj novaĵoj estis publikigitaj, kaj ĉar oni ĉiam rimarkas, ke ili alvenis per Esperanto, ili duoble propagandas: unue ĉe la gazetistaro, due ĉe la leganta publiko. Komence oni devas doni tiujn ĉi informojn senpage, precipe ĉar ne venas ankoraŭ tre rapidaj kaj tre interesaj sciigoj. Ni rekomendas al agemaj Esp-istoj, ke ili organizu saman servon ankaŭ en aliaj urboj. Ni ja devas per ĉiuj fortoj uzi praktike Esperanton. Se la Hungara gazetara servo pligraviĝos, certe ĉiuj gazetoj uzos tiujn ĉi servojn kaj eĉ pagos la informojn. Tiam ankaŭ la kunlaborantoj povos esti pagataj. Nur se per Esperanto estos mono akirebla, reale disvastiĝos la uzado de nia lingvo! Ni petas la helpemajn samideanojn, ke oni konstante sendu — eĉ sur poŝtkarto — ĉiujn ajn interesajn novaĵojn el la kultura, politika, taga vivo de ilia lando! La Hungara Esperanto-Servo krom tio peras negocojn, akiras informojn ĉiaspecajn, disvastigas reklamojn, k. t. p. en kaj pri Hungario! Hungara Esperanto-Servo, Paulo Balkányi, Hajós-strato 15, II, Budapest VI.

## Oni petas!

∴ *Al Anglaj kaj aliaj instruistoj!* F-ino Mary Moudrá, instruistino, Malá Štěp 6, Praha II (Ĉeĥoslovakio) petas la instruistinojn de tiel nomataj „helpaj lernejoj" (help schools), ke ili informu ŝin pri manlaboroj kaj programoj de tiaj lernejoj. La informojn ŝi tre utiligos por la nova Ĉeĥoslovaka helpa lernejo kaj samatempe por montri la praktikecon de Esp.

∴ *Al ĉiulandaj fervojistoj!* F-ino Sidonie Dlouhá, fervojoficistino de Ĉeĥoslovakaj ŝtataj fervojoj kaj Vicdel. de UEA en Praha 15, bezonas informojn: 1e Ĉu kaj kie ekzistas „Unuiĝo de Esp. fervojistoj"? 2e Kie kaj kiam Esp. estis enkondukata aŭ rekomendata al fervojistoj? 3e Ĉu estis publikigitaj artikoloj pri Esp. en fakaj gazetoj kaj kun kia sukceso?

∴ Societoj kaj izolaj Esp-istoj ricevintaj la respondon de la Ĉeĥa Akademio por Artoj kaj Sciencoj en Praha al la Memorskribo de la Magiara Akademio en Budapest estas petataj konfirmi la ricevon per simpla karto al S-ro Jos. Eiselt, gimnazia dir., Slezská 58, Praha-Vinohrady.

## Oni laŭdas!

∴ S-ro *F. A. Goodliffe*, membro en Purley, Anglio, profunde dankas F-inon J. Finholdt, de Kristiania (del. de Unuiĝo de Norvegaj Instruistoj) pro rapida plenumo de komerca afero, pri hejmmetia ilo.

∴ S-ro *E. W. Illing*, membro de UEA en Wien, kore dankas S-rojn Scarselli kaj Della Savia, Del. de UEA en Firenze kaj Udine pro tre valora servo, klopodante havi necesan libron.

∴ S-ro *Iv. Krestanov*, el Bern, tutkore dankas S-ron Tressel, Del. en München, pro informservo, S-ron Egg, Del. en Baden, F-inon Pulvers kaj Prof. Caumont en Basel pro ilia afableco kaj helpo dum vojaĝo.

∴ S-ro *James F. Morton*, membro de UEA el New York, esprimas sian dankon al ĉiuj Del., kiuj bonvolis respondi al demandaro pri komercaj aferoj.

∴ S-ro *Adolfo Oberrotman*, Vicdel. en Warszawa, tutkore dankas al Del. S-roj Rian en Trondhjem, E. Müller en Zürich, S. R. Marshall en London, Gasse en Le Havre, pro gravaj kaj rapide donitaj informoj.

∴ S-ro *August Omlor*, el St. Ingbert, dankas al ĉiuj Esp-istoj, kiuj plibeligis al li la tempon de lia restado en Bern. Speciale li dankas al la C. O. de UEA, kie li trovis ĉiam afablan akcepton, kaj al la Del. de UEA, S-ro Bolliger, pro la diversaj servoj laŭdinde faritaj.

∴ S-ro *G. Woud*, internacia korespondanto de la Nederlanda Federacio de fabriklaboristoj, en la nomo de la estraro de tiu organizaĵo, dankas la sekretarion de la C. O. de UEA en Bern pro la rapida kaj korekta respondo post afable faritaj informiĝoj.

∴ S-ro *J Šembera*, membro en Brno (Ĉeĥoslovakio), kore dankas F-inon Olivio kaj S-rojn Braucourt kaj Glodeau en Paris, S-inon Rolleston kaj S-rojn Cameron kaj Epstein en London, S-rojn Stettler kaj Richez en Bern pro iliaj senlacaj servoj farltaj dum la vojaĝo kaj pro samideana akcepto.

∴ *La C. O. de UEA* esprimas sian dankon al S-ro Omlor, kiu per specialaj klopodoj efike helpis ĉe la administra laboro, kaj al S-ro Kavan, en Plzeň, kiu ordeme prizorgis la financajn aferojn por UEA en la Ĉeĥoslovaka respubliko.

∴ S-ro *Ferd. Kaulfers*, membro de UEA en Franzendorf (Bohemio), komunikas al ni la jenan ekzemplon pri la utileco de UEA por serĉadoj: „Antaŭ la milito mi petis la Aŭstrian konsulejon en Buenos Aires informi min pri onklo, pri kiu mi jam longatempe nenion aŭdis. Sed respondon mi ne ricevis. Mi turnis min al S-ro G. Muiños, tiam Del. de UEA en Buenos Aires, kiu komunikis al mi, ke post multaj klopodoj li povas sciigi al mi nenion precizan, nur ke mia onklo de longe ne plu loĝas en Sarmiento. Je la 4 novembro 1919 mi ricevis leteron de mia korespondinto S-ro Clerk el Saxony (Sud-Afriko), ke li en 1914 korespondis Esperante kun policano de Sarmiento, de kiu li okaze sciis, ke mia onklo loĝas en Sud-Afriko, transloĝinte el Sarmiento. S-ro Clerk invitis mian onklon skribi al mi, kaj la 9 novembro mi ricevis de li leteron, dank' al la helpo de UEA."

∴ F-ino *J. Šupichová*, Del. en Praha, kore dankas pro gravaj informservoj al S-ro Gordon en Melbourne kaj al Aŭstralia Esp. Asocio.

□ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □

☛ **En 1920 UEA devas havi 5000 membrojn. Ĉu VI pensas al tio? Ĉu VI agas por tio?**

□ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □ □

# Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni ricevis la informon pri la morto de la jenaj samideanoj:

**Prof. D-ro Zsigmond Simonyi.** Grava perdo trafis la Hungaran sciencan vivon, sed ankaŭ la Esperantistaron: la plej fama lingvisto Hungara, vicprezidanto de la Propaganda Komitato de la Lingvo Internacia en Budapest, post longa malsano mortis. Li estis 66-jara. En la urbeto Veszprém li komencis sian vivovojon, kiel malriĉa junulo, kaj per sia laboro atingis la estrecon de la scienco. Lia verkado estas epokfaranta por la Hungara lingvoscienco. Li fariĝis ankaŭ membro de la Hungara Scienca Akademio. De kvardek jaroj kiel universitata profesoro, li edukis novan legion de Hungaraj lingvistoj. Famaj verkoj liaj estas la Granda Hungara Gramatiko kaj Lingvohistoria vortaro; li redaktis la gazeton „Hungara Lingvogardanto". Por Esperanto li tre interesiĝis; en 1918 li akceptis esti vicprezidanto de la Propaganda Komitato; laŭ lia peto aperis pritraktado lia pri la „Hungaraj elementoj en la lingvoj Eŭropaj" en la „Hungara Revuo." En la Budapesta universitato li batalis por enkonduko de Esperanto. Pro sia konstanta malsano li ne povis viziti la Esp. kunvenojn, kaj li jus nun volis skribi pri Esp. rilate la Ural-altajajn lingvojn. Ni ĉerpu novan forton el lia konvinko, ke Esp. estas genia verko, kiun oni devas subteni, disvastigi kaj uzi!

**Fraŭlino Selma Schlesinger,** fervora Esperantistino, dum longaj jaroj estrarano de la Breslaŭa Esperanto-Grupo, membro de UEA, homo valorega, kiu ĉie ĝuis amon kaj respekton. Ŝi bone komprenis la ideon de Esperantismo, vivis laŭ ĝi kaj propagandis ĝin. Ŝia lasta decido estis, ke ŝi donacis sumon al la Breslaŭa Esperanto Grupo kaj 200 markojn al UEA.

**Sinjorino Arellano de Sepúlveda,** edzino de nia malnova Ĉila samideano S-ro Sepúlveda Cuadra. Ŝi estis ankaŭ Esp-istino kaj multe propagandis inter la virinoj.

# Lingvaj Studoj

## Belsoneco en kunmetitaj vortoj

La uzebleco de kunmetitaj vortoj estas unu el la plej ŝatindaj bonaĵoj de Esperanto. Dank'al ili malpligrandiĝas la nombro de la lernotaj vortoj kaj pliiĝas la riĉeco kaj esprimpovo de la lingvo ĝis grado, pri kiu oni apenaŭ konscias. Sed forĝante kunmetitajn vortojn, oni ankaŭ devas atenti pri alia eco ne malpli necesa ol riĉeco, nome belsoneco. Ne malmultaj Esperantistoj pekas en tiu rilato. Ili ofte forgesas, ke Esperanto estas vokalriĉa lingvo kaj, kiel internacia ilo, ne allasas sonkombinaĵojn, kiuj estus malagrablaj por multaj popoloj kaj eĉ malfacile prononceblaj. Speciale Germanlingvanoj devas rememori, ke kontraŭe al la spirito de Esperanto estas renkontiĝo de multaj konsonantoj, kia ĝi ofte estas trovata en ilia lingvo. Belsoneco kaj facilprononcebleco postulas, ke en kunmetitaj vortoj renkontiĝo de tro akraj sonoj estu moligata per intermeto de vokalo.

Absolutan regulon oni kompreneble ne povas doni. D-ro Zamenhof prave lasis liberecon kaj ne difinis, kiam oni devas intermeti ligantan vokalon en kunmetitaj vortoj. Tio estus komplikaĵo, kiun la praktiko ne postulas. Dezirante eviti la amasiĝon de konsonantoj kaj la eblan riskon de miskompreno, Idistaj plibonigistoj volus, ke en Ido la kunmetitaj vortoj, cetere malpli oftaj ol en Esperanto, estu ĉiam disigataj per streketoj kaj iliaj elementoj ĉiam konservu la gramatikan finaĵon. Tio estus pedantaĵo, kiun la vivo rapide neniigus. Formoj kiel *labormetodo, monrimedo, kapdoloro, vivkondiĉoj* estas pli rapide prononceblaj kaj tiel belsonaj kiel estus *laboro-metodo, mono-rimedoj, kapo-doloro, vivo-kondiĉoj*, kiuj cetere estas ankaŭ korektaj. Sed tio ne signifas, ke oni preskaŭ neniam devas uzi ligantan vokalon, kiel agas multaj Esperantistoj. Estas kunmetitaj vortoj, ĉe kiuj belsoneco kaj fluparolo igas ĝin nepre dezirinda. Ekzemple, ĉu *ovoproduktado, noktokomenco, pacotraktato, laktodona, edziĝodonaco, mondopaco, urbodomo, krucosigni* ne estas pli belsonaj kaj pli konformaj al la Esperanta fonetismo ol la pli ofte uzataj *ovproduktado, noktkomenco, pactraktato, laktdona, edziĝdonaco, mondpaco, urbdomo, krucsigni?*

Ne nur al belsoneco oni atentu, sed ankaŭ al klareco. Kvankam oni tion ne povas absolute malpermesi, oni devas eviti la uzadon de triradikaj kunmetitaj vortoj, kiuj plej ofte estas nek rapide kompreneblaj, nek agrablaj al la okulo. Ekz.: *vaporŝipkompanio, poŝtmarkkolektanto, mondpacligo, skribmaŝinpapero, k. a.* Oni prefere diru: *kompanio de vaporŝipoj, kolektanto de poŝtmarkoj, ligo por mondopaco, papero por skribmaŝino.* Trielementaj kunmetitaj vortoj estas tamen allaseblaj, kiam unu el ili estas afikso; tiam la elemento kun afikso aspektas kvazaŭ memstara radiko. Ekz.: *laborkunveno, eldonrajto, aliĝilo.*

Oni ankaŭ evitu, pro la respekto al la oreloj kaj precipe al la okuloj, tro longajn kunmetitajn vortojn, eĉ kiam ili estas logikaj. Ekz.: *revolucieksplodo, konsilantarrespubliko*, ie legitaj. Same evitinda estas la uzo de nenecesaj kunmetitaĵoj. En iu Esperanta gazeto ni legis *fundamenttezo, devigkotizaĵo, saluttelegramo, komerclernejo.* Ĉu ne pli simplaj kaj pli Esperantaj estas *fundamenta tezo, deviga kotizaĵo, saluta telegramo, komerca lernejo?*

*A. R.*

## Pri la landnomoj

Mi deziras altiri la atenton de la samideanoj al alia solvo de la demando pri *-io* kaj *-ujo*, kiu povus perfekte konkordigi ambaŭ flankojn. Ni akceptu *-io* por regnoj, ŝtatoj kaj administraj regionoj kaj konservu *-ujo* por etnografiaj teritorioj. Ekz. *Francio* kaj *Francujo* signifus du malsamajn aĵojn, ĉar en Francio ja loĝas ankaŭ nefrance-parolantoj kaj Francoj loĝas ankaŭ en Svisio, Kanado, k. t. p., aŭ, ekzemple, *Serbujo* kaj *Serbio* (enhavanta krome Albanojn, Turkojn, Cincarojn ...). Tiamaniere ni riĉigus la lingvon, nenion detruante en la Fundamento, nur ĝin pliprecizigante. — *P. Stojan*, L. K.

# Esperantista Literatura Asocio

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos·

Dum kvin jaroj la Esperantista Literatura Asocio ne efike povis labori, ĉar la internaciaj rilatoj estis interrompitaj. Ni esperas, ke ni nun denove povos sendi manuskriptojn de unu lando al alia, por ke ili estu legataj de alilingva kolego antaŭ la presado. Mallongaj raportoj aperos regule en tiu ĉi gazeto, kiu afable akceptis ilin. Ni malfermas la vicon de la raportoj per nia regularo, nur malmulte ŝanĝita.

*Regularo*

Motivo kaj celo.
1e Konatiĝo inter la verkistoj.
2e Reciproka helpo.
3e Evito de malhelpa konkurado, ekz. samtempa eldono de egala aŭ simila ellaborajo, duobla traduko de l' sama verko, k. t. p.
4e Perfektigado de nia literaturo.

Ĉiu Esperantisto povas fariĝi membro, kiu per libro, gazet-artikoloj aŭ poemoj pliriĉigis nian literaturon.

Membro ankaŭ povas esti persono, kiu science, fake aŭ mone, subtenas la asocion.
1e Jara kotizo: 5 Fr. pagotaj en la komenco de la kalendara jaro.
2e Korespondado per respondpago.
3e Fideleco al la Fundamento.

Raportoj aperos en „*Esperanto*" Abono de la gazeto *Esperanto* ne estas deviga, sed tre varme rekomendita.

La administracio estas en Dresden, Nicolaistr. 18. Prezidantino: S-ino M. Hankel. Sekretariino: F-ino J. Zschepank.



# REKLAMO

## KORESPONDADO

*TARIFO:* Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj): Fr. 0.75. — Por ĉiu plua linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. — Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj.

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* Pl = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.* k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.*

### Aŭstrio

**Wien.** — S-ro Vaclav Stary, XV. Turnergasse 25/15, L, Pl, PM, k. ĉ. l. (salutas siajn malnovajn korespondantojn kaj denove koresp. kun ili pri ĉiuj nuntempaĵoj).
**Wien.** — S-ro F. Molnár, inĝeniero, Währinger Gürtel 162, IX/4, L, Pl, PM, bfl (precipe pri elektroteknikaj, elektro-medicinaj aferoj kaj socialaj temoj).

### Belgio

**Bruges.** — Okaze de la vekiĝo de la Bruĝa Grupo Esp., la anoj plezure atendas samideanan saluton el ĉiuj landoj. Al ĉiuj oni respondos. S. 2, place Simon Stévin.

### Britio

**Bath.** — S-ino Halliday, Priory Lodge, Newbridge Hill, L (pri astrologio, precipe kun ekster-eŭropanoj).
**Hastings.** — S-ro J. J. Boutwood Holland House, petas alsendon de L kaj PK al la Esp. Grupo por legado ĉe speciala kunveno lastan mardon en februaro 1920. Al ĉiu sendinto oni respondos.
**London N. W. 1.** — S-ro Ernest J. Watson, 6, Balcombe Street, Dorset Square, L, Pl, k. ĉ. l. (pri sociologio, reformaj movadoj, vivkutimoj; ankaŭ kun poŝtoficistoj pri la poŝtoficejoj).
**Manchester.** — F-ino Mary Batchelor, Crimsworth, Upper Chorlton Rd., L (pri influo de la materio sur la homa animo, ekz.: klimato, pulvo, riĉeco, k. t. p.).
**Nelson** (Lancashire). — S-ro James J. Eastwood, 328, Railway Station (k. ĉ. l. socialistoj, preferas L kaj nur okaze Pl).
**Sheffield.** — S-ro Geo. W. Roome, 214, Psalter Lane, dez. ricevi informojn de aŭ pri siaj antaŭmilitaj korespondantoj, L, Pl, PM kaj aliaj poŝtaj tutaĵoj.
**Wallsend-on-Tyne.** — S-ro J. H. Murray, 13, Beech Grove, L, Pl, bfl, k. ĉ. l.

### Ĉeĥoslovakio

**Brno (Brünn).** — S-ro A. R. Potučik, u. solnice 11, L, Pl.
**Černy Kostelec.** — S-ro Bohumil Ludvik, fakinstruisto, Del. de UEA, salutas siajn korespondantojn kaj denove koresp., Pl.
**Holešov** (Moravio). — S-ro Karel Laveček, oficisto de administra oficejo, Pal. tr. 7, L, PK, k. ĉ. l. (kun gejunuloj).
**Horn-Neusattl bei Karlsbad.** — S-ro Hermann Paul, fabrikoficisto, L, Pl (speciale kun fraŭlinoj pri socialismo).
**Hradec-Kralóvé.** — S-ro Karel Jelinek, Safarikova 511, PM (precipe kun novaj Baltaj ŝtatoj, Balkanaj kaj neeŭropaj).
**Hradec-Kralóvé.** — Oni serĉas 56 korespondantojn el ĉiuj landoj. S-ro O. Sklenčka, bankoficisto, Del. de UEA.
**Kladno.** — S-ro Otomar Kočl, Tyršova 983, L, k. ĉ. l (pri prezoj de ĉiuspecaj vivbezonaĵoj, nutraĵoj, konservaĵoj ankaŭ pri salajroj en diversaj fakoj).
**Kukleny 221.** — S-ro Oldrich Smetana, Pl, PM, bfl.
**Opava.** — S-ro Alois Zednik, oficisto de la Bohema Industria Banko, Pl, bfl, k. ĉ. l. (peras komercajn rilatojn).
**Praha.** — F-ino Nina Silbersteckenová, instruistino, Táborská 54, salutas siajn antaŭmilitajn korespondantojn kaj interŝanĝas denove L, Pl, k. ĉ. l.
**Slany.** — S-ro Jind. Zyka, Fričova 155, Pl, bfl, k. ĉ. l.
**Zilina.** — S-ro Alojz Janza, studento, poŝtfako 26, L, PK, Pl, k. ĉ. l., kolektas PM, Esp. glumarkojn, Esp. bildkartojn kaj ĉiujn Esp-aĵojn.

### Finnlando

**Björneborg.** — S-roj O. Kronholm & Co. ŝanĝas kaj vendas PM.
**Helsinki.** — F-ino A. Laitinen, Itá Kaivopuisto 8 A, Pl, L.
**Helsinki.** — S-ro Joel Vilkki, studento, Eerikinkatu 25 A (kun gesam-anoj Eŭropaj nur per L, eksterefiropaj per L kaj Pl).
**Muola-Kyyrölä.** — S-ro Oulo Sarpio, Pl, bfl.
**Raumo.** — S-ro Martti Hela, muzika ĉefinstruisto, Del. de UEA, Koulukatu 2, Pl (bildoj de ĉiulandaj muzikistoj, koncertdomoj, orgenoj, preĝejoj, k. a.) L (pri muzikvivo).
**Terijoki.** — S-ro Tarmo Sutinen, PM (interŝanĝo de Finnaj, Rusaj kaj Estoniaj kun PM-kolektantoj alilandaj).
**Wiipuri.** — F-ino Siiri Saikkola, Brahenkatu 29, Pl, bfl.
**Wiipuri.** — S-ro Albert Kattelus, Sammonkatu 10, L, Pl, bfl, PM.
**Wiipuri.** — S-ro Lauri Salmi, Neitsytniemi, Mattinkatu 6 (Interŝanĝas plej bonajn Esp. spritaĵojn.
**Wiipuri.** — S-ino Erika Wilen, flegistino, Papulan Mielisairaala, L, Pl, bfl, k. ĉ. l.
**Wiipuri.** — F-ino Edla Nykänen, Kunnallissairaala, Pl, L, bfl, k. ĉ. l.
**Wiipuri.** — F-ino Jenny Kinnunen, studentino, Heikinkatu 8, L, Pl, bfl.
**Wiipuri.** — S-ro Arturi Karvinen, Neitsytniemi Malinkatu 21, L, Pl, bfl, PM, k. ĉ. l.
**Wiipuri.** — S-ro Pentti Kärmeniemi, Lääninhallitus, L, Pl, bfl, PM, k. ĉ. l.

### Francio

**Avignon** — F-ino Marie Rousset amike salutas siajn antaŭajn korespondantojn; libervole okupita dum la milito kiel flegistino ŝi preterlasis korespondadon.
**Saint-Denis** (Seine). — F-ino Yvonne Thoreau, 21, rue Voisine, Pl, k. ĉ. l.
**Villeurbanne** (Rhône). — S-ro Prost, 23, place de la Mairie, sendas PM aŭ Pl interŝanĝe de PM.

### Germanio

**Augsburg.** — S-ro Karl Streckfuss, Del. de UEA, Stadtjägerstrasse 22 (pri propagando de Esp., aliaj serioz. temoj, interŝanĝo de artaj kaj tipaj PK kun eksterlandanoj).
**Berlin-Neukölln.** — S-ro W. Wittbrodt, Anzengruberstr. 3, Pl, k. ĉ. l. (artistinoj, belulinoj), L (pri moroj kaj vivmanieroj kun eksterefiropanoj).
**Düsseldorf 106.** — S-ro Joseph Pfaffenholz, Rethelstr. 169, Pl, bfl.
**Dresden.** — S-ino Margarete Nicolai, Franklinstr. 6, Eg., Pl, k. ĉ. l. (pri tipaj regionaj vidindaĵoj), PM, bfl.
**Dresden.** — S-ro Johannes Edmund Nicolai, Franklinstr. 6, Eg., Pl, L, PM, k. ĉ. l., (pri Esp. movado, ankaŭ pri ĉiu alia temo; fotografaĵoj de Esp-istoj aŭ Esp. grupoj, kiujn mi kolektas).
**Görlitz.** — S-ro Alfred Scholz, Breitestr. 3, nur L (kun lertaj Esperantistoj pri politiko, filozofio kaj socia vivo).
**Kiel.** — S-ro B. Lage, bankkasisto, Weissenburgstr. 14, Pl, L, Esp. gazetoj, k. ĉ. l
**München.** — S-ro Alois Hahn, Bavariastr. 9, d/o L, Pl (precipe kun eksterefiropanoj)
**München.** — F-ino Margit Schlaff, Trappentreustr. 31/I, L, Pl, k. ĉ. l.
**Potsdam.** — S-ro O. Wehnert, Burgstr. 56/1, Pl, L (pri okultismo kaj teozofio).
**Wilhelmshaven.** — S-ro B. Eden, Kielerstr. 28, L, PM, Pl.

### Hispanio

**Tarrasa** (Barcelona). — S-ro Johano Mar, 29, San Luirico, L (pri muziko).
**Tarrasa** (Barcelona). — S-ro Francisco Hernandez, 10, Calle Ruttia, Pl, k. ĉ. l.

### Hungario

**Budapest.** — F-ino Ilona Ader, Gömb u. 15, VI., Pl, bfl, L (prefere kun eksterlandanoj, interŝanĝas albumojn).
**Budapest.** — F-ino Manjo Rihó, kv. Lipótvárosi állomás, V., L, Pl, bfl, k. ĉ. l.
**Budapest.** — S-ro Szécsi László, Arany János u. 34, I., 10, PM, k. ĉ. l

### Italio

**Pisa.** — S-ro Nicola Jäger, VD. de UEA, 17/II, Via Vittorio Emanuele, L, Pl.
**Pisa.** — F-ino Giovanna Jäger, 17/II, Via Vittorio Emanuele, L, Pl.
**Potenza.** — S-ro Cesarini Fidia, 9, Via Caserma Basilicata, unufoja interŝanĝo de Pl kaj Esp-aĵoj, k. ĉ. l.

## Jugoslavio

**Doboj** (Bosnio). — S-ro D. Vojkovič, apotekisto, Pl, L, PM, k. č. l.

## Nederlando

**Blerick.** — S-ro H. Janssen, militista tajloro, II. Reg., II. bat. Infanterie, L, Pl, k. č. l.
**'s-Gravenhage.** — S-ro W. Joh. v. d. Geer, Schelihoutstraat 16, PM, Pl, bfl, k. č. l.
**Hengelo.** — S-ro G. van Heek, Steynstraat 72 (prefere L aŭ PK pri ia temo kun spertaj Esp-istoj ĉiulandaj, precipe lernantinoj de altrangaj lernejoj, aŭ vizitintinoj de nomitaj lernejoj).
**'s-Hertogenbosch.** S-ro Jozef op ten Berg, orlorĝisto, Muntelstraat 22, L, Pl, bfl, k. č. l.
**Venlo.** — S-ro Pierre Pypers, Stalberg 132, Pl, bfl, PM (laŭ Yvert).
**Rotterdam.** S-ro L. Vrooman, Lambertusstraat 124a, Pl (kun ĉiulandaj fraŭlinoj).

## Norvegio

**Kristiania.** S-ro Rolf E. Bugge Paulsen, supera leŭtenanto, Villa „Espero", Sörkedalsvei 73, nur Pl, bfl, k. č. l.

## Polio

**Radom.** — S-ro J. Rubinstein, Lubelska 25, Pl, PM, jurnaloj.
**Warszawa.** S-ro Ad. Oberrotman, Krak.-Przedm. 10, salutas siajn antaŭmilitajn kor., renovigas la korespondadon prefere kun ekstereŭropanoj pri tre interesaj temoj, L, PK, PM, fotogr., gazetoj, moneroj, k. t. p. Ankaŭ peras komercajn rilatojn.
**Warszawa.** S-ro J. Rossowski, leŭtenanto, Al. Jerozolimskie 72a/6, Pl, L (pri kulturaj naciaj temoj en lingvoj Esperanta, Pola, Bohema, Rusa, Ukraina, Blankrusa, Serba, Kroata, Slovena, Bulgara, Franca, Itala, Hispana, Portugala, Rumana, Angla, Germana, Sveda).

## Rusio

**Stavropol.** S-ro Profesoro N. Agronomof, PM kaj papermono de novefonditaj ŝtatoj en iama Rusa imperio.

## Svedio

**Sandwiken.** — S-ro J. H. Zetterström, V. Villastr. 46, L, Pl, bfl, PM.

## Svisio

**Genève.** — S-ro Joseph Halter, horloĝisto, 55, Bd. Carl Vogt, Pl, L, k. č. l.
**Lausanne.** F-ino Nina Alschwang, 11-jara, Rusino, 22, rue de l'Aurore, PK, Pl, PM, L (kun geknaboj precipe ekster-eŭropaj).
**St. Gallen.** — S-ro Walter Kutzli, 5, Rosenheimstr., PM, Pl (kun 12—15 jaraj geknaboj).

## Nord-Ameriko

**Chicago** (Illinois, U. S. A.). — S-ro F. J. Kovarik, 2502, So. Kedzie Ave., PM.
**Logan R. F. D. 1** (Utah, U. S. A.). — S-ro Leo D. Roueché, farmestro, PK, Pl, L, k. č. l. (kun radikalaj socialdemokratoj).
**New York** (U. S. A.). — S-ro Armand Coigne, 2633, Creston Ave. (dez. interkonatiĝi kun sam-anoj, kiuj interesiĝas pri internacia asocio por psika enketado kiel helpantoj kaj avizantoj. Ne korespondas pri psikismo nek pri alia temo escepte la asocion. PK-kaj PM-kolektantoj ne ricevas respondon).
**Toronto** (Kanado). — S-ro E. M. Gundy, 173, Spadina Road, L (pri literaturo kaj la Esp. movado kun lertaj sam-anoj el Polio, Grekio, Arabio, Persio, Ĉinio, Japanio kaj la Hindaj landoj).
**Toronto** (Kanado). — S-ro E. M. Gundy, 173, Spadina Road, L, k. č. l. (prefere kun junuloj).
**Wingham** (Kanado). — S-ro J. A. Morton, PM, k. č. l.

## Sud-Ameriko

**Banfield F. C. S.** (Argentino). — S-ro Jose Bavon, L, Pl.
**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro Bernardo Lieff, strato Hernandarias 1545, Pl, k. č. l.
**Cordoba** (Argentino) — S-ro Francisco Alberich, 768, Dean Funes, Pl, L, PM.
**Leandro N. Aleman, F. C. P.** (Argentino). — S-ro Manuel Noelie Quell, Pl.
**Santiago** (Ĉilio). — S-ro Johano Escarate, Correo 3, Pl.
**Talleres F. C. S.-Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro Domingo Mondini, 6164, Centenario, Pl, bfl, PM.

## Aŭstralazio

**Melbourne.** — Membroj de la Paca Societo dez. koresp. pri pacifistaj aferoj kun personoj en la tuta mondo (Esp., Angle, France, Germane). S-ro J. G. Pyke, 10, Lennox street Hawthorn (Aŭstralio).
**Ophir, Otago** (Nov-Zelando). — S-ro E. Webber, L, Pl (ĝojos ricevi novajojn de siaj antaŭmilitaj korespondantoj kaj sciigojn pri personaj travivajoj dum la milito).
**Paphran** (Victoria) — S-ro Gordon Lindsay, 57, Murray street, Pl, L, k. č. l. (precipe Persio, Ĉinio kaj Italio).

## Azio

**Bassein** (Burma). — Rev. W. Cronkhite, baptista misiisto el Usono, Box 10, Pl, L (kun siaj antaŭmilitaj korespondantoj k. a. inkluzive gejunuloj kaj intanoj de ĉiuj landoj).
**Smyrna** (Malgranda Azio). — S-ro Démétrius G. Joannides, Turka Poŝto 540, L, PM, Pl, bfl (pri religiaj kaj sociaj movadoj), portretoj, libroj, gazetoj, kuriozajoj.
**Pervaja Rječka apud Vladivostok** (Siberio). — S-ro Dezideriо Balog, eksoficiro, militkaptito Camp of War prisoners, Pl, L (Esp. gazetoj kaj leĝaĵoj).

# PETOJ KAJ PROPONOJ

**Tarifo:** Unu linio (10 vortoj) Fr. 0.50. Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj. Antaŭa pago.

**Al ĉiuj antaŭenemuloj.** — Dezirante fari enketon pri la sovjetaj respublikoj Rusa, Hungara kaj Bavara, „Liberiga Stelo" petas, ke oni sendu al ĝi kiom eble plej multe da dokumentoj pri ili: raportoj, gazetoj, poŝtkartoj, fotografajoj, privataj leteroj, ĉiuj ajoj montrantaj senpartie, kio estas bolŝevismo tia, kia ĝi funkciis aŭ funkcias en ĉi tiuj landoj, kaj la ekonomiajn kaj politikajn situaciojn. „Esperantista Laboristo" publikigos la rezultatojn de tiu enketo kaj samtempe projekciigos en laboristaj rondoj la fotografajojn kaj poŝtkartojn. Adresu sendajojn jene: „Liberiga Stelo", 23, rue Boyer, Paris XX^e^.

**Bela Mondo,** plena jarkolekto en du bele binditaj volumoj, prezo 50 M. Havebla ĉe S-ino Hankel, Dresden, Nicolaistr. 18.

**Ekspozicio.** — La Esp.-Societo en Osnabrück intencas aranĝi Esp. ekspozicion kaj petas ĉiujn alilandajn gesam-anojn sendi ĉiuspecajn Esp-ajojn precipe Pl. kaj Esp. gazetojn k. t. p. Bonvolu sendi ĉion al S-ro E. Mache, Karnstr. 25, Osnabrück (Germanio).

**Esperantistaj antaŭenemuloj** aliĝu „Liberiga Stelo", internacia asocio; petu regularojn kaj informojn. Kotizo por 1920 4 Fr. „Liberiga Stelo", 23, rue Boyer, Paris XX^e^.

**Esperantistoj atentu.** — Mi bezonas sekvantajn numerojn de la gazeto „Esperanto", organo de UEA: 1914: 1, 2, 3, 4. 1916: 9/10. 1917: 2, 6, 7, 8, 9, 10, 11, 12, aŭ la plenajn jarkolektojn. Mi pagos per mono aŭ sendos ĉion ajn. S-ro O Sklenčka, Del. de UEA en Hradec Kralóvé (Ĉeĥoslovakio).

**Esperantistoj atentu!** — Ĉiu samideano (ino) estas petata sendi al mi kiel propagandilo unu belan bildkarton aŭ Esp. gazeton aŭ katalogon, ĉar mi intencas fari ekspozicion. Kiel kompensajon mi resendos tre belan kolorigitan Vienan bildkarton. Por unu franko aŭ alia samvalora monero mi ankaŭ sendos al ĉiu samideano 10 pecojn da diversaj belaj kolorigitaj bildkartoj de Vieno aŭ unu serion da markoj Aŭstraj (nova eldono) en valoro 1 ĝis 100 h. Oni povas sendi la monon per letero enskribita al S-ro Josef Kolnhofer, Vieno, XIII./4. Zehetnergasse Nr. 17, 3./15.

**Esperantajoj.** — La „Brita Literatura kaj Debata Societo", eldonantoj de „Literaturo", deziras ricevi interŝanĝe por tiu gazeto librojn, gazetojn kaj aliajn Esp-ajojn. Oni sendu al la Hon. Sekretario, Charles H. Edmonds, 254, Wightman Road, London N. 8.

**Esperanto.** — S-ro Alfred Liljemark, VD. de UEA en Gävle (Svedlando) dez. akiri jenajn numerojn de la gazeto „Esperanto". 1914: NN. 163 (4), 168 (9), 169 (10), 170 (11), 171 (12). 1915: NN. 177 (5), 179 (7), 182 (10). 1916: NN. 188 (4), 193 (9), 194 (10), 196 (12). 1919: N-ro 224 (4).

**Filatelistoj.** — Ĉiu persono, kiu sendos al mi per rekomendita letero 50 aŭ pli mal amajn PM de sia lando ricevos egalvalore malsamajn PM de Kanado kaj Usono. S-ro David Longheed, Wingham, Ontario, Canada.

**Gazetoj Esperantaj.** — Redakcioj de nun aperintaj Esp. gazetoj, kiuj sendos numerojn al ĉi-suba adreso, trovos sian adreson en lernolibro sufiĉe ampleksa, aperonta je la fino de la jaro. P. At. Kolev, Regentska 19, Sofia (Bulgario).

**Horloĝisto.** — Oficon trovas juna horloĝisto (repurigisto). Proponojn kun indiko pri salajro al: G. Zinganell, horloĝisto, Eisenach, Georgenstr. 6 (Germanio).

**Kolektantoj de insektoj** aliĝu al la suba areto, kiu volas efektivigi la interŝanĝadon de neinteresaj insektoj de via lando kontraŭ eksterlandaj insektoj interesaj al vi (ekdeziru la familion)! Jara kotizo Mk. 3 pagebla al S-ro D-ro Döhler, Goethestr. 45, Riesa i. Sa., Germanio. Naturscienca Internacia Areto de Specialistoj. Sekretario: Frits van Emden, Kaiser Wilhelmstrasse 30, Leipzig, Germanio.

**Komunista Socialismo.** — La sekretario de la Metropolitan Esperanto Club, 2633, Creston Avenue, New York City, deziras ricevi leterojn de kapablaj kaj energiaj kamaradoj, kiuj volus kunlabori pri fondo kaj sukcesigo de tutmonda komunista federacio. Ĉiuj socialistoj kaj radikaluloj estas urĝe petataj skribi tuj.

**Korespondantoj kaj filatelistoj** en ĉiuj landoj pri aferoj politikaj, ekonomiaj kaj kulturaj, pri socialismo kaj komunismo. Interŝanĝas PK, PM, Esp. gazetojn. Kune mi petas ĉiujn miajn antaŭmilitajn Esp. amikojn baldaŭ skribi al mi. Antaŭ la milito mi estis en Benešov-Praha kaj poste Wien. Mi respondas ĉiam kaj tuj. Vaclav Stary, redaktoro, Wien, XV. Turnergasse 25/15.

**Literaturo.** — La redakcio de la Esperanta literatura gazeto „Literaturo" sendos specimenan ekzempleron de la gazeto post ricevo de respondkupono. Adresu al: la Redakcio de „Literaturo", 254, Wightman Road, London N. 8, Anglujo.

**Orfinon,** 3-5 jaran, sanan, belan geedzoj deziras adopti. Hejmaj lingvoj: Esperanta, Estona, Rusa, Germana. Oni preferas iun, kiu jam iomete komprenas Esp. Proponoj detalaj al S-ro J. Grüntal, fotografisto, Hapsal (Estonio).

**Popolaj Universitatoj.** — La direktantaro de la Popola Portugala Universitato deziras ricevi per Esperanto informojn el ĉiuj landoj pri popolaj universitatoj, bibliotekoj, kinematografoj, kursoj, revuoj, lumbildoj, filmoj naturaj kaj sciencaj. Montru, ke Esp. jam taŭgas por la rilatoj inter la popoloj kaj sendu informojn al Portugala Esp. Socialista Asocio, 150, R. do Bemformoso, Lisbono.

**Poŝtmarkoj.** — Sendu 100-1000 nedifektitajn PM, prefere koloniajn kaj militajn (aliaj ankaŭ akceptataj), kaj mi sendos al vi Finnlandajn laŭ la katalogoj de Michel aŭ Yvert & Tellier. Mi vendas Wasamarkojn 5 p.—1 mk. (7 diversajn) je la prezo fr. 7.—, plus porto. Mi sendas mian prezaron de Finnl. markoj kontraŭ 1 int. respondkupono. Merkkiyhtymä, posed. A. Ahonoja, Kuopio, Finnlando.

**Saarland.** — S-ro August Omlor, reveninte el la militkaptiteco kaj internigo, informas, ke li reprenas sian laboron kiel Del. de St. Ingbert en la Saar-teritorio; li ĝojas ricevi ofte petojn pri servoj kaj informoj.

**Samideaninoj!** — Mezaĝa laboristo deziras korespondi kun serioza kaj bonkora fraŭlino aŭ vidvino por eventuala edziĝo. Skribu al G. Jönsson, Hellefors, Svedio.

**Socialistoj** kaj anarkistoj, kiuj deziras korespondi kun Ĉino sin turnu al S-ro Sinpak, 33, Sai Chuk Street Fat-Shan, Canton, Ĉinio.

**Socialistoj!** — La Portugala Esp. Socialista Asocio, R. do Bemformoso 150, Lisbono, petas la social. aŭ labor. grupojn sendi al ĝi iliajn regularojn, presajojn aŭ almenaŭ adresojn. Al ĉiuj oni skribos. Poŝtelspezoj repagotaj.

**Societo de la Nacioj.** — S-ro L. Poncet, Del. de UEA, Esperanto-Oficejo, 36, rue Victor Hugo, Lyon, deziras rilati kun anoj de la Franca Asocio por la Societo de la Nacioj kaj kun anoj de similaj alinaciaj asocioj, por enkonduki Esperanton.

**T. C. F.** — S-ro L. Poncet, Del. de UEA, 36, rue Victor Hugo, Esperanto-Oficejo, Lyon, deziras rilati kun anoj de la Touring Club de France por krei Esperantistan grupon de T. C. F. kaj kun anoj de alinaciaj Turing-kluboj por iniciatigi samajn klopodojn.

**Verkistoj-tradukistoj!** — La Redakcio de la Esp. gazeto „Literaturo" deziras ricevi Esperantajn manuskriptojn por ebla utiligo en la gazeto. Oni sendu rakontojn, artikolojn kaj poemojn, originalajn aŭ tradukitajn, prefere mallongajn. Al sendintoj de manuskriptoj uzataj oni sendos la gazeton dum unu jaro. Adresu al: „Redakcio „Literaturo", 254, Wightman Road, London N. 8, Anglujo.

## INTERNACIA KOMERCO

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj.

**Centra Librejo Esperanto** en Sofia, ul. Maria Luisa 46, deziras esti en rilatoj kun ĉiuj Esp. eldonejoj por aĉeto de Esp-ajoj kaj reprezentado de ĉiuj artikoloj.

**Eksporto.** — Silkaj rubandoj, trikitaj subvestoj por virinoj. — Kiu povas rekomendi taŭgajn fabrikantojn kapablajn liveri la suprajn artikolojn grandkvante por Anglujo, skribu al: J. D. Applebaum, 11, Mayville Road, Mossley Hill, Liverpool.

**Fibro.** — Mi deziras koniĝi kun fabrikantoj de fibro en folioj por la fabrikado de valizoj kaj kofroj. Skribu al: S-ro C. Roncati, Del. de UEA, 23, rue de Lépante, Nice (Francio).

**Insignoj.** — Stelo kvinpinta surskribo „Esperanto" orlitere, nur pingloj kaj broĉoj. Sendo afranke post ricevo de 5 respondkuponoj stampitaj. Mendo de 10 ekz. aŭ pli: 20 % rabato. Livereblaj ankaŭ grandkvante. F. Pakker, Reederijstr. 1. B., Rotterdam, Nederlando.

**Maloftaj Birdoj.** — Samideano estus tre dankema al kiu donus al li adreson de vivanta Esperantidisto, kiu pepas perfekte la novan fantazian lingvon laŭ la dua (ne ŝanĝota?) fundamento. Skribi sub „Rara avis" al la C. O. de UEA.

**Poŝtmarko-kolektantoj.** — Mi sendas laŭ valoro Yvert Tellier 1920, malsamajn PM de Lombardo-Veneto ŝanĝe de malsamaj PM de via lando. Preferataj militaj PM. Sendu rekomendite. Giovanni Saggiori, Via S. Eufemia 4 A., Padova (Italio).

**Reproduktaĵojn de famaj pentraĵoj** belege koloritajn en poŝtkartoj mi liveras afrankite kaj rekomendite po 10 diversaj ekz. M. 3.50 poŝtmandate. Specimeno kontraŭ respondkupono. Belegaj kadroj al tiuj ĉi kartoj po ekz. 1 M. Librojn kaj aliajn objektojn haveblajn en Germanio mi liveras komisie. Pro la nuna malalta Germana valuto bona aĉetokazo por ĉiu eksterlandano. R. Schneider, Körnerstr. 28, Gera (Germanio, Reuss).

**Vestaĵoj.** — Por pristudi la industrion de vestaĵoj por viroj, Esp-istoj de tuta mondo estas petataj sendi specimenojn de drapaj gravuraĵoj, de modeloj, pograndajn kaj podetalajn vendprezojn kaj, se eble, detalojn pri organizo de fabrikejoj de vestaĵoj al Antonin Paillet, 161, Avenue Félix Faure, Lyon, kiu resendas memoraĵon al ĉiuj korespondantoj.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO